# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta ilustrita revuo

Dua periodo — Tria jaro

Senpaga kvaronjara aldono:

**Bibliografia Gazeto**

En duona formato 16—20 paĝa




Aŭgusto 1933

8-a numero

Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53. V. 7. Telefono 380—84.

Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono

Responda redaktoro: *Karlo Bodó*

Redaktoroj: *Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche*

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N. Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), W. B Johnson (Kairo), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Birmingham), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C Stillmann (U.S A ), K.R.C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L.E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto ŝtilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Inter tomboj mi vagadas . . .*

— ***Julio Baghy*** —

Ofte, kiam premas min la bagatelemo de la ĉiutaga vivo, aŭ kiam la sento pri vaneco vekiĝas en mi kaj mi sentas abomenon pri la ekzisto, mi rifuĝas en la — *tombejon* por ĉerpi firmigan kredon, persistan forton kaj renaskan energion. Mi rifuĝas de la vivantoj al la mortintoj por havigi vivovolon por mi. Strange, ĉu ne? Tute ne! Vagante inter malnovaj tomboj mi rigardas la surskribojn de la memorŝtonoj, mia ĉapelo respektplene estas deprenita, mia animo pie riverencas antaŭ tempmorditaj, muskokovritaj ripozejoj de heroaj spiritoj. Mi legadas nomon post nomo kaj reviviĝas antaŭ mi la batalplena vivo de tiuj, kiuj oferis tutan koron, plenan vivon por la patra tero, patra lingvo. La emocio inspire kaptas min. Kelkfoje miaj manoj ekmovas sin por karesi danke almenaŭ la malvarman marmoron, la vermomorditan krucon; la posteulo pilgrimas kaj lia koro banas sin en mutaj larmoj, rekuraĝigaj kaj purigaj.

La gigantaj monumentoj haltigas min, sed baldaŭ mi preterpasas ilin. Famaj generaloj, grandaj politikistoj, geniaj kaj ofte nur bonŝancaj, dormas sensonĝe sub la luksaj kupoloj, en la ornamitaj kriptoj. Mi vizitas prefere la parton, kie modestadas la tomboj de niaj naciaj taglaboristoj: poetoj, verkistoj, muzikistoj, pentristoj, skulptistoj kaj aktoroj. Vere, modestaj tomboj, sed tiuj, kiujn la malaperanta teraltaĵeto kovras nun, iam vivis kaj persistis por sonĝoj kaj dank' al ilia sinofera batalo havas neestingeblan brilon — la nacia kulturo. La lumo de la estingiĝintaj meĉoj postrestis kaj ofte heligas la noktan nigron de la nuntempo . . . Dankon al vi, foririntoj, pro la postlasita spirito, pro la kredofonto, kiu ŝprucas el inter viaj tombŝtonoj por ni, vivantoj.

Sed mi estas ne nur filo de *unu* nacia kulturo, amata kaj pie respektata de mi. Mi estas ja filo de tuta homaro. Mi sentas profundan homan solidarecon al la parencaj animoj diversgentaj. Ankaŭ mi mem perplume, kvankam tre sensignife, klopodas porti mian brikon al la konstruo de kulturo tutmonda. Ankaŭ mi vivas en sonĝoj kaj ankaŭ min dorne pikas la realeco. Nemirinde do, ke kelkfoje mi sentas la svenon de la vivenergio, nutrata de revoj, foraj celoj kaj de la *nepre* alvenonta venko. Kion fari en la momento de la malespero? Rifuĝi en la — tombejon! Jes, kaj mi ekiras en la tombejon de niaj pioniroj: mi trafoliumas malnovajn gazetojn, legadas skribaĵojn, kiujn surpaperigis firme-kredaj antaŭuloj kaj perrigarde mi karesadas iliajn nomojn, kore riverencas antaŭ ilia rememoro, revokas ilin el la pasinto por emocie danki al ili pro la hodiaŭa brilo de nia lingvo. Ho, kiel mi ŝatas ĉi tiun tombejon! En ĝi ne fieras gigantaj monumentoj, en ĝi nur modeste viciĝas miloj da tomboj de forgesitaj, aŭ sennomaj batalintoj . . . Kiel grandan magian forton, miraklan povon havas tiu ĉi tombaro, etendiĝanta senlime sur la Tero! Mi ne hontas konfesi, ke la spirito, ŝvebanta super ĝi, ligis min neforŝireble al Esperanto, al la malglata vojo de lingvokulturanto, al la senmakula verda standardo, sub kiu »*kolektiĝas pacaj batalantoj*«, naivaj sonĝvidantoj, obstinaj revpelantoj. Kaj mi plene konscias, ke la potenco de tiu benata tombaro spiras al mi konsolon, forton, kredon, kiam la dornoj de la vojo vundas min.

Venu kun mi por fari kelkajn paŝojn en tiu ĉi tombejo, por halti momenton ĉe la plej malnovaj tomboj, parte jam forgesitaj, parte ne atentataj laŭ meritoj de la foririnta frato! . . . La ĉefredaktoro de L. M. afable konsentis pri mia propono por dediĉi kelkajn paĝojn al la unuaj pioniroj de nia esp. literaturo. La amplekso de la revuo ne ebligas pilgrimadon de nomo al nomo. Tamen mi dankas la konsenton, ĉar ĝi formas la komencon por malfermi ankaŭ tiajn valorojn kaj fortojn de nia movado, kiuj ĝis nun — en plena senco de la vorto — estis preskaŭ tute enterigitaj. Mi estas konvikita, ke jam proksimiĝas la tempo, kiam ni bezonos ankaŭ literaturan historion enmanigi al la juna generacio por doni al ili almenaŭ palajn siluetojn, skizajn konturojn pri ĉiu, kiu laboris por nia progreso. Mi pensas pri *ESPERANTA ANTOLOGIO* kun biografiaj notoj, en kiuj la kritikistoj havu komprenon ne sole por la arĥaiĝinta frazkonstruo, eventualaj gramatikaj eraroj, sed ankaŭ por la cirkonstancoj, situacio, anima disponiteco de la verkistoj. *Tia* antologio jam estas bezonata por veki kaj konservi, pliigi la entuziasmon kaj celkonscion de la juna kaj posta generacioj, ĉar historia sperto pruvas, ke ju pli respektas iu popolo sian pasintecon, des pli ĝi havas vivenergion por konservi sian prosperon. Popolo, kiu forgesas pri siaj meĉoj, ne meritas torĉojn kaj baldaŭ dronos en mallumo . . . Estas jam tempo viziti la tombejon: zorge kaj pie foliumadi niajn malnovajn revuojn, gazetojn!

La literaturo de nia lingvo komenciĝis en 1889. La unuaj tradukistoj estis: *D-ro L. L. Zamenhof* (»L'ombro«, »Virineto de l' maro«, »Novaj vestoj de la reĝo«, »La batalo de l' vivo«, »Hamleto«), *A. Grabovski* (»Neĝa blovado«, »Gefratoj«, »Janko Muzikanto«, »La juĝo de Zeus«) *E. de Wahl* (Princidino Mary«) *V. Majnov* (»Renaskita Manfred'«) *I. Lojko* (»Fabloj de Ezopo«, »Dio ĉiam veron vidas«), *V. Devjatnin* (»Demono«, »Boris Gudonov«) *N. Kuŝnir* (»Aŝik Kerib«), *Otto W. Zeidlitz* (La literaturisto kaj lia fianĉino), *A. Kofman* (»Iliado«, »Kain«, partoj el »Faust«), *N. Borovko* (»Ŝtona gasto« proza trad. de poemo de Puŝkin), *V. Gernet* (»Fantomoj«) *A. Burenkov* (»Unua brandfaristo«), *N. Kazi-Girej* (»Kvar tagoj«, »Attalea Princeps«).

Ankaŭ la originala literaturo jam faris siajn paŝojn en tiu tempo. Inter la kulturantoj de la poezio ni trovas la nomojn: *D-ro L. L. Zamenhof, J. Goldberg, S. Bilinskij, A. Naŭman, V. Devjatnin, L. Sokolov, J. Seleznet, S. Ŝatunovskij, D. Jegorov, A. Olschwang, J. Wasniewski, W. Waher, A. Kofman, V. Langlet.* Inter la prozaj verkistoj estas menciindaj: *L. Meier, N. Borovko, V. Stankieviĉ, J. Kaminski, A. Proĥoroviĉ-Koĉmarenko.* Kompreneble kelkaj el la tiamaj poetoj verkis ankaŭ proze. Ĉi tiuj nomoj apartenas al la unuaj dek jaroj de nia lingvo Esperanto. Kelkaj el ili ankoraŭ vivas kaj pli malpli aktive partoprenas en la movado laŭ siaj forto kaj saneco . . . sed la plumo jam falis el ilia mano.

Mi tre dezirus paroli kelkajn vortojn aparte pri ili, sed tre bedaŭrinde mankas datoj, certaj informoj. Nur dum la legado de la tiutempaj gazetoj disvolviĝas antaŭ mi la kvin plej famaj homoj de nia tiama literaturo: *D-ro L. L. Zamenhof, A. Kofman, J. Wasnievski, A. Grabovski* kaj *V. Devjatnin.* Nuntempe la malplej konataj estas el inter ili: A. Kofman kaj J. Wasniewski. La unua estis vera talento por la traduka kaj originala artoj, la dua estis fajroanima prozisto kaj oratoro. La legantoj trovos en tiu ĉi numero frag-

mentojn de iliaj verkoj. Legu kaj kompreneme prijuĝu la arĥaikan stilon, admiru tiun fortostreĉon, kiu sentiĝas en la frazkonstruado kaj ĉerpu novan forton por kredi pri la estonteco el ilia entuziasmo. Komparu la komencon al la nuno, sed ne por kondamne kritiki, ne por priridi la primitivecon, ne por subvalore taksi la laboron de la unuaj plugantoj. Ni ne forgesu, ke ni pilgrimas en tombejo, kie decas depreni la ĉapelon kaj almenaŭ perpense karesi la memoron de niaj plej karaj: de niaj sonĝvidaj patroj.

## Ĉe la nova jaro

*Finiĝas jam por ni malnova jaro*
*Eterne pasis ĝiaj tagoj for,*
*Tre bona estis ĝi por la homaro,*
*Kaj ni ĝin danku el la tuta kor'!*

*Sonoras adiaŭaj sonoriloj*
*Solene super land' kaj super mar'*
*Kaj ekesperas de l' homar' la filoj,*
*Ĉar venos baldaŭ la estonta jar'.*

*Malfermas iu pordon. Jen infano*
*Aperas bela en la ĉambr' al ni,*
*Portante libron en malgranda mano,*
*La bona nova jaro estas ĝi.*

*Sed kio estas de la libr' enhavo?*
*Feliĉo aŭ malbono? Diru ĝin!*
*Benita paco aŭ kruela glavo?*
*Ĉu venos ĝojo aŭ malĝojo nin?*

*Ne scias ni kaŝitan estontecon,*
*Ĉar restas ĉio en la man' de Di'.*
*Sed kion ajn sendados Li, bonecon*
*Li donos, kaj kontentaj estu ni.*

Otto Zeidlitz (1895)

## Kuzino, ne faru kaprican vizaĝon

*Kuzino, ne faru kaprican vizaĝon;*
*Mi kantus vin, sed mi ne havas kuraĝon.*
*Mi volis ekkanti la buŝon ravantan,*
*Sed viaj okuloj tuj mendis la kanton.*
*Mi volis ekkanti la nigrajn okulojn,*
*Sed tuj la mentono elmetis postulojn.*
*Mi volis ekkanti mentonon malgrandan,*
*Sed piedetoj nun faras demandon.*
*Mi volis. . . por doni al ĉiuj kontenton. . .*
*Mi havas nek tempon, nek indan talenton,*
*Kaj vi mem, kuzino, min punus severe,*
*Se ĉion kantindan mi kantus libere.*

A. Kofman (1896)

## E L F A U S T
## Dediĉo

*Vi venas re, malklaraj figuraroj,*
*Nebule iam ĉirkaŭintaj min.*
*Ĉu eble nun mi faros vin pli klaraj?*
*Ĉu min ekregas re l' antaŭa klin'?*
*Nu bone, bruu vi, fantomaj maroj,*
*Vaporoformaj, sonĝaj, sen difin'!*
*Tremiĝas mia brusto junigita,*
*De via sorĉa blovo enspirita.*

*Kun vi al mi revenas la ravanta*
*Ombraro, multe kara al memor',*
*Kaj kiel dolĉa eho, nun mortanta,*
*L' unua amo iĝas en la kor'.*
*L' animo ĝemas, ree eraranta,*
*Ĝi ree laŭte plendas pri dolor'*
*Kaj pri la multamanta amikaro,*
*Prenita for de l' kruda vivo-maro.*

*Vi, kiuj ĝojis je komencaj sonoj*
*De miaj kantoj, vi ne estas pli.*
*Vi estas en tre foraj regionoj*
*Kaj mortis, ha! l' unua melodi'.*
*Mi kantas nun al fremda ar'-personoj*
*Kaj min timigas eĉ la laŭdo-kri',*
*Kaj vi, amikoj de l' amata rondo,*
*Ĉu vivas vi ankoraŭ en la mondo?*

*Min puŝas re l' antaŭaj koraj klinoj*
*Al la fantoma mondo de dolor'*
*Min re ĉirkaŭas tonoj sendifinaj.*
*Eola harpo sonas en la kor';*
*Min prenas timo, larmoj longobstinaj.*
*En mi moliĝas ree la humor',*
*Kaj la havato iras malproksimen*
*Kaj la perdito flugas en animon.*

Tradukis: A. Kofman.

## Larmo nur sekreta

*Mi aŭskultis najtingalon*
*Nokte maldormante,*
*Najtingalo kantis kanton*
*Fajre ploregante.*
*Ploris ĝi — mi ankaŭ ploris,*
*Ĝemis ĝi — mi — ĝemis;*
*Ĝi venontan vokis fajre,*
*Min pasinta premis.*
*Vokis ĝi la amikinon*
*Ami kaj adori —*
*Perdis mi anĝelon mian*
*por eterne plori.*
*Kantis ĝi... En mia brusto*
*Kanto estas preta,*
*Sed elfluis el la koro*
*Larmo nur sekreta ...*

Dimitri Jegorov (1897.)

## Nova Enciklopedio

Amo *kiam viro diras, ke li amas sian proksimulon, estu konvinkita, ke lia proksimulo estas bela knabino.*

Artistoj *ekzistas artistoj de profesio kaj artistoj de emo; la unuaj vivas per la lastaj pro la arto.*

Bonulo *tiu homo, kiu plenumas duonon de siaj intencitaj bonfaroj.*

Buda-Pesto *teozofia nomo.*

Edziĝo *la tombo de l' amo.*

Famo *io, kion ni akiras, se ni ĝentile kondutas al jurnalistoj.*

Feliĉo *ses objektoj necesas pro feliĉigi homon; 1-e sperta kuiristino, 2-e, 3-e, 4-e, 5-e kaj 6-e mono.*

Filozofio *estas tio, kio igas riĉulon diri, ke malriĉeco ne estas hontinda.*

Flato *kie finiĝas la flato, tie komenciĝas la skandalo.*

Frazo *kovrilo super la nuda vero.*

Frateco *vidu la »koncerton eŭropan«!*

Haro *la haroj de ruĝhara knabineto post kelka tempo fariĝas »blonda« aŭ »orokolora«; la haroj de ruĝhara knabeto kontraŭe fariĝas ruĝa dum tuta lia vivo.*

Kalumnio *similas al uflmo: ĝi trafas prefere la plej altajn punktojn.*

Monhomo *monhomo, tial ofte »serĉita«.*

Kato *ju pli oni lin karesas, des pli li levas la voston.*

Kleptomanio *malsano, kiu prefere atakas riĉajn ŝtelistojn; kondukas riĉulon en malsanulejon kaj la malriĉulon en kaptejon.*

Konscienco *estas io en ni, kio sciigas al ni, kiam nia proksimulo faras ion maljustan.* Horloĝo, *kiu ĉe la plejmulto da homoj malfruiĝas.*

Malfermaĵo, *kiun restigis post si mortintulo, ofte estas pli granda ol tiu, kiun li plenigis dum sia vivotempo.*

Memkritiko *sentita ĉe ni bezono; vidu »granda manko«.*

Mi *la plej sincera komenco.*

Patriotismo *abonant-varbado.*

Patrolando *kaj religio vilaĝoj de Potemkin.*

Restado *la aĝo de dudeknaŭjara junulino.*

Sendormeco *estas kaŭzigita pli de malsanaj stomakoj ol de malsanoj konsciencaj.*

Soleco *la plej bona aŭ la plej malbona societo.*

Ŝtelado *substantivo (antikva) sinonima al »nekorekteco«.*

Tipografiisto *homo, kiu vivas en »presitaj cirkonstancoj«.*

Tombisto *iradas ĉiutage sur la rando de la tombo, elfosas kavon al aliaj, sed venas mem en ĝin la unua.*

Vero *estas plej bela, kiam ĝi silentas.*

Virino *la krono de la kreitaĵo; kiam tiu ĉi krono iam fariĝas trofacila, fariĝas kronigita la viro.*

P. Ahlberg (1897)

## El la libroj de niaj fabloj

*En Egiptujo, en tempoj de tebaj Faraonoj, ia transveturanta juna fakiro aranĝis al la loĝantoj amuzadon... En valo, pli belega ol la valoj de Eŭfrato, li faris per ia sorĉo lagon, plenan da larmoj de mizeruloj kaj malliberuloj, da larmoj de maljunuloj kaj infanoj, da larmoj de vidvinoj kaj orfoj... Kaj, pleniginte tiun ĉi lagon ĝis la bordoj, la fakiro restigis ĝin por mirigo de saĝuloj.*

*Sur tiu ĉi lago, ĉe brilo de luno, ĉe sonoj de harpoj kaj lumo de multkoloraj fajroj, en ĉiu festo la ŝipetoj de Faraonoj naĝadis kiel blankaj cignoj... La ĥoroj de najtingaloj, disĝemataj per ameca kanto, traplenigadis per sonetoj la aeron, plenan da bonodoro kaj varmeto... Malsobrigitaj per sorĉo de belegaj noktoj, la kapoj de l egiptanoj alkliniĝadis al la revoj pri la superteraj landoj de beleco kaj poezio, de feliĉo kaj volupto... La luksaj ŝipetoj naĝadis trankvile kaj majeste sur la vitra maso, sur la bruetanta, kaj murmuranta kristala ondo, tiel mallaŭta kiel respiro de mizerulo, kiel tombo de homa feliĉo.*

*Tie kaj ie la mano de petolanta infano ĵetadis en tiun ĉi akvon belegajn rozojn; la rozoj tuj paliĝadis... Kiam iu trempadis okaze la randon de sia multekosta vesto en la lagon — sur la vesto restadis makulo... Virino, varmigita per narkotikoj de ĉirkaŭprenoj, volis estingi soifon de la flamanta buŝo per la fluidaĵo de l' lago, sed vane...*

*Tio ĉi fine ekkolerigis la Faraonojn, incitis la homojn, kiuj deziris malsobron. Oni alvokis alian maljunan fakiron, por ke li elsekigu la sorĉan lagon.*

*»Ekzistas nur unu rimedo necerta, — diris li, klinante humile la kapon, — oni povas elsekigi la lagon sole per oro«.*

*Kaj alvenadis multehavantaj riĉuloj kaj ĉiu ĵetadis en la lagon pecon da oro...*

*Kaj alvenadis pli malriĉaj kaj du aŭ tri el ili kolektadis moneron...*

*La lago restis.*

*Tiam el la tuta Egiptujo oni alvokis amasojn da popolo kaj ĉiu, kiu povis, ĵetadis oron en la lagon.*

*Sed la larma lago ne sekiĝadis.*

*Kontraŭe. Ju pli da oro oni ĵetadis en ĝin, des pli leviĝadis la nivelo de l' lago, ĝis fine la akvo eliris super la bordoj, superverŝante la valojn de la tuta Egiptujo.*

*Kaj de malproksimo rigardis tion la sfinkso, ŝtona, malvarma kaj senmova. Kvankam ĝi ĉiam estis silentanta kaj plena da enigmo, — nun tamen ĝi diris:*

*»La elverŝitajn larmojn neniu viŝos neniam!«*

*Tiun ĉi fablon nuntempaj homoj tradukis en siajn lingvojn kaj — strange — ĉiuj donis al ĝi la saman titolon; filantropio.*

*Mirinde!...*

Jozef Wasniewski (1896)



K. Kernstok — *Soleca arbo*

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

KVARA ĈAPITRO.

*Mondrigardoj. / La aŭtoro komencas konjekti, inter kiaspecajn estaĵojn li venis. / La solasi-j. / Kelkaj vortoj pri la solasi-fabriko.*

Ĉion, kion ĝis nun mi provis komprenigi al la leganto, mi mem komprenis nur post longaj tagoj kaj semajnoj, estas certe, ke jam tiutempe, kiam mi staris sub la homforma arbo kaj subite mi eksentis, ke tiu mirinda mekanismo, unu el la civitanoj de Faremido, min komparas al tiu planto: ke jam tiutempe mi timtreme ekkonjektis tiajn eblojn, pri kiaj eĉ sonĝi mi ne povis ĝis nun. Miaj mirindaj aventuroj, kiuj dum miaj antaŭaj vojoj ofte konsternis mian intelekton, alkutimigis min, ke rezervante mian mondrigardon, fiksitan de eminentaj filozofoj kaj logikuloj, precipe naturscienculoj de mia adorata patrujo: tamen mi klopodu agnoski faktojn kaj realaĵojn neniel konvenajn al ĉi tiu mondrigardo; mi scias, ke seriozan naturscienculon en la starigo de liaj teorioj ne povas influi tia bagatelo, kiel ekzemple fakto aŭ fenomeno rekte kontraŭanta la teorion.

Do rezervinte mian ĝisnunan mondrigardon, tamen mi agnoskis, ke mia fatalo min ĵetis en tian landon aŭ mondparton aŭ eble sur tian astron, kie la estaĵoj regantaj la naturon, la loĝantoj de ĉi tiu astro, ne nur malsimilas la homon, sed ili eĉ ne rigardeblas en tera senco kiel vivaj estaĵoj, ĉar, kvankam ili sin movas el propra forto, agas celkonscie kaj formas kune certajn societajn formojn, ilia korpo ne havas eĉ solan ereton el tiu certa materio, kiu laŭ nia kompreno estas la sole ebla portilo kaj kondiĉo de l' vivo kaj kiun ni ordinare nomas organika materio. Ĉi tiuj estaĵoj, la solasi-j (tiel ili sin nomas en muziknotoj) konsistas el neorganikaj elementoj: el fero, oro kaj ankoraŭ el multspecaj metaloj kaj mineraloj, inter ili ankaŭ el tiaj, kiujn ne konas nia neorganika ĥemio. Ke ĉi tiuj senvivaj materioj tamen moviĝas kaj agas, pri tio mi rimarkas, ke ankaŭ ni spertas ja similajn movojn en la senviva materio, nur ne tiom evidente kaj ne tiom harmonie, ja la dilatiĝo de l'korpoj pro la varmo, ilia tendenco proksimiĝi unu al la alia kaŭze de la gravitado: ĉio ĉi naskas movon en la senvivaĵo. Kaj mi konjektis jam tiam, pri kio mi konvinkiĝis poste, ke la vivon de la solasi-j direktas tiaj simplaj kaj primitivaj fortoj, kiaj la lumo, la varmo, la elektro, la magnetismo. Tiun grandiozan kaj sekretan, komplikan forton, kiun ni pie nomas vivoforto, vivenergio, kiu solvas kaj fekundigas la kernon de l' organikaj ĉeloj: tiun forton la solasi-j ne konas, aŭ ili konas, sed, mirinde, ili tute ne bezonas ĝin. Eĉ, kiel mi komprenis poste, ili ĝin rigardis malpli valora kaj, el certa vidpunkto malsana kaj kontraŭnatura formo de l' ekzisto, kiu ne taŭgas, por igi la animon feliĉa, harmonia kaj komprenebla; la animon kiu estas la koncentriĝo de l' naturaj fortoj en la materio kaj kiu estas destinita por kompreni kaj eble por plibonigi la naturon (kaj kiun ni nomas homa animo, homa menso). La intelekta organo de la »solasi-j«, ilia cerbo, estas el neorganika materio; fortuna miksaĵo de ia hidrargspeca, fluida metalo kaj ankoraŭ de ia mineralo. En ĉi tiu cerbo, ne la nekonata vivoforto, sed konataj kaj kontroleblaj fortoj: varmo kaj elektro produktas la movojn, kiujn ni nomas penso kaj sento. Ĉu tiuj ĉi sentoj kaj pensoj estas malpli valoraj ol la niaj, tion mi ne povas konstati per mia limigita intelekto, mi nur spertis post iom da tempo, ke esence ili ne diferencas de la produktaĵoj de nia organika menso, nur ili estas senmezure pli streĉitaj kaj intensaj, sed tio estas ja neniel surpriza, ankaŭ sur la Tero ni spertas, ĉu ne, ke la maŝinoj fabrikitaj el neorganika materio produktas dum la sama tempounuo pli multon kaj pli bonan, ol la homa aŭ besta laboro. La imagasociacio de la solasi-j estas konsiderinde pli rapida kaj preciza ol la nia, kaj rilate al la forto de iliaj sentoj kaj pasioj, estas karakterize, ke por esprimi siajn eĉ plej simplajn pensojn ili uzas tiun ilon, kiun ni uzas nur por la esprimo de nia plej intensa kaj komplika sento: la muzikon. Cetere eblas, ke penso kaj sento ĉe ili ne estas tiom apartigitaj, kiom en nia menso.

La leganto trovos komprenebla, ke mia unua penso estis, kiam ĉion ĉi mi komencis konjekti: kiamaniere naskiĝas ĉi tiuj estaĵoj, ĉar ja la formo de l' plimultiĝo, kiu estas trovebla ĉe ni, ne estas ebla en ilia neorganika vivo. Tre baldaŭ mi ricevis respondon je ĉi tiu demando. La solasi, kiu starigis min apud la homforman arbon, post kiam ĝi aŭdis videble kun miro, ke mi scias imiti kelkajn el ĝiaj sonoj, faris al mi signon per unu brako (provizore mi nomas ĝin brako), ke mi ĝin sekvu. Rapide mi ekiris apud ĝi, dume mi rimarkis, ke ĝi pene klopodas mezuri siajn paŝojn al mia sintreno, kiu estis mizera kompare al ĝia paŝado. Estis simile, kvazaŭ aŭtomobilo kondukus homon sur la tero. Tamen baldaŭ ni atingis la enirejon de tiu grandioza konstruaĵo, kiu jam unufoje blindigis miajn okulojn. Ĉi okaze mi rimarkis super la pordego orsignojn aŭ literojn, poste mi eksciis, ke en ilia skribo ĉi tiuj signoj signifas: so-la-si-mi-re, kio en proksimuma esperanta traduko signifas solasi-fabrikon aŭ solasi-metiejon.

Paŝante sur la elipsoforman sojlon stranga vibro kaj klakado ekfrapis miajn orelojn, kaj kiam mi trairis la marmorkoridoron, ĉi tiuj sonoj plifortiĝis. Pordo el fleksebla vitro apertiĝis antaŭ ni kaj antaŭ miaj okuloj aperis grandega halo, naĝanta en blanka lumo. Daŭrus longtempe, se mi rakontus la tutan nepriskribeblan, maksimume nur parafrazeblan ĥaoson, kiu min akceptis en ĉi tiu halo; eble desegne, sur papero, mi plie povus alproksimigi la spektaklon. Longaj ŝtontabloj etendiĝis paralele, kovritaj per mil- kaj milspecaj fantastaj instrumentoj, objektoj, kranoj, vitroj, metaloj, lutiloj, ŝraŭboj, leviloj, pesiloj, vazoj, ardigiloj, fluidaĵoj, tuboj, retortoj, generatoroj, dratoj, aksoj, radoj, pivotoj, preniloj, tenajloj, boriloj. Granda parto de tiuj ĉi estis en takta movo, pelate de ia nevidebla kurento, en la lumo ekbriladis diskoj, kiuj mute sed kun kapturna rapideco turniĝis kaj cirkulis, de supre kaj de malsupre rimenoj kaj dratoj ruliĝis sible, ŝtalligiloj tremis kaj kubutpivotoj kuradis sur la rando de l' tabloj. Tie kaj tie ŝvebis ruĝaj, violkoloraj, bluaj lumoj kaj flamoj sub vitroklosoj, kaj densaj fluaĵoj plaŭdis kaj ronkis senkovre en grandaj ujoj.

En la unua momento apenaŭ mi rimarkis, ke en ĉi tiu ŝajna ĥaoso laboras solasi-j: ja la strukturo de ĉi tiuj estaĵoj propre estas la sama, kiun mi vidis en maŝinoj kaj instrumentoj. Kiam miaj okuloj iom kutimiĝis al la vidaĵo, mi rekonis, ke apud la tabloj, egaldistance, staras grandaj-malgrandaj solasi-j, kiuj profundiĝis en diligenta laboro. Mi rekonis ilin pri la

# Matena ĥumoro

— L. Totsche —

Ĉu konas vi la ravon
de la krepusk' matena,
kiam la lit' katena
ne plu vin povas luli
en songo-sino svena,
ĉar ja invadas ĉambron
tra l' mola dig' kurtena
la ĉirpa bru' solena
de l' birdarme' grandurba?

Ho, la luktado pena,
dum vi kun streĉ' muskola
forpelas la torporon
de la konsci' kontrola,
kaj liton forlasante
ŝancele la fenestron
kun peza paŝo drola
en duondorm' aliras,
kurtenon flankenŝovas,
kaj al ĉi trobadora
koncerto, seninvite
— en noktĉemiz' frivola —
malsuprengapas sola.

Dum ĉi pepad' petola
frostige freŝa vento
kun glito de serpento
la korpon ĉirkaŭkuras:
kun trema tiklosento
la haŭto rememoras
pri l' gusto de knabaĝaj
matenoj jun-kuraĝaj,
kiam al ekskursanta
nudgamba skoltstudento
la solaj vojkunuloj
tra l' ŝtona strat-silento
estis ĉi trilo fajfa
kaj la karesa vento...

Sed jam de l' oriento
al ĉi krepusk-humoro
la sun' mortsagojn sendas,
la urba tagrumoro
la harmonion fendas
per sia bruo hirta,
l' aŭror-koncerto birda
kun timo eksilentas,
la homo sin bananta
en freŝo, juno, solo
de ĉi tagiĝo kanta
la naŭzetedan vivon
de l' griza tag' komencas
kun muskolstreĉo lanta.

---

ovala orkapo kaj pri la du lumaj vitrolensoj brilantaj sur ilia frunto. El ilia korpo brakoj kaj leviloj etendiĝis al la tablo, direktante kaj ordigante la ĉiuspecajn ingrediencojn, lutante ĉenojn super la flamo, kvazaŭ nuraj horloĝistoj. La solasi, kiu min kondukis, nun paŝis al tiu, kiu plej proksime al ni staris: tiu, por momento, ĉesis labori kaj ili ekmuzikis unu kun la alia. Intertempe ambaŭ turnis la vizaĝon al mi, mi sentis, ke pri mi temas. Embarasite, kaj kun honto nekomprenebla eĉ al mi mem, mi deturnis miajn okulojn kaj komencis observi la objektojn kaj ingrediencojn, kuŝantajn sur la tablo.

Multaj konveksaj kaj konkavaj vitrolensoj kuŝis sur la tablo; ia diafana glumaterialo en sitelo. Sur la rando de l' tablo estis mekanismo jam muntita: pli bone rigardante mi rekonis kun miro, ke ĉi tiu mekanismo, almenaŭ en sia esenco, ne estas tute nekonata antaŭ mi. Ĝi tre similis al miniatura, senfine preciza kaj delikata fotografaparato, sed la tuto estis globforma kaj duflanke kaj malantaŭe ŝtaldratoj pendis sur la teron, antaŭe brila, konveksa lenso, post ĝi sferforma kamero obskura. Estis klare al mi, ke ankaŭ ĝia celo samas: tamen la tuto aspektis kvazaŭ granda elorbitigita okulglobo. Tuj trafulmis mian cerbon, ke tio ja estas en ordo: ni ja scias, ke la fotografaparato esence ne estas alia, ol rekonstruita homa okulo, ankaŭ ĝia funkcio estas la sama, kun la diferenco, ke, dum oni ne povas perfektigi la homan okulon, la maŝinon ni povas konstrui tiamaniere, ke centfoje pli akre kaj pli rapide ĝi reproduktas la lumfenomenojn ol la okulo, ni pensu nur pri tiuj sentivaj kinofotografadoj, kiuj centfoje pli multe kaptas el la movfenomenoj ol nia okulo.

Rigardo al la vizaĝo de l' solasi min konvinkis, ke ĝi faras la samon, kion ĝi bezonas ankaŭ mem: okulojn. Nun estis klare al mi, kiamaniere kreiĝas ĉi tiuj mirindaj estaĵoj aŭ mekanismoj: ili mem fabrikas siajn similulojn el metaloj, mineraloj kaj la pretan solasi ili mem ekmovas per la energifontoj (elektraj akumulatoroj, vaporo, gaso), lokitaj en ilia korpo.

En la unua momento eble tio ŝajnas pli malfacila kaj pli komplikita maniero de la rasplimultigo ol la ĉirilata praktiko sur nia planedo, — kaj troviĝos, kiuj aldonos, ke ĝi estas malpli amuza, — sed oni devas rekoni, ke el la vidpunkto de la rezulto ĝi estas pli konfidinda kaj pli konscienca. La solasi, kiu kreas aŭ kunmetas sian kamaradon (mi diras kamaradon, ĉar mi malfacile povus ĝin nomi filo aŭ infano, konsidere, ke unu solasi estas kreata ne nur de du, sed de ses-sep, samseksaj, estaĵoj), la solasi havas la eblon kontroli precize ĉiujn ingrediencojn el la vidpunkto de l' laŭceleco kaj konstrui ĝin tiamaniere, ke ĝi havu nenian difektaĵon. Ĝi povas ŝanĝi tiujn materiojn, kiuj konfuzas la harmonion, ĝi povas perfekte harmoniigi la movaparatojn kun la unuopaj organoj. El tio sekvas, ke inter la solasi-j ne ekzistas kripla, paralizita aŭ mankhava individuo; tio cetere estas klarigebla ankaŭ per tio, pri kio mi ankoraŭ parolos poste, ke la ingrediencoj de la preta solasi ĉiam estas ŝanĝeblaj kaj kompenseblaj okaze de difektiĝo aŭ eluziĝo, sen la ŝanĝiĝo de la harmonio kaj individueco de l' tuto. Pri tio mi devas ankoraŭ paroli pli detale, kiam mi pritraktos la grandan diferencon, kiu estas inter la estaĵoj de Faremido kaj ni koncerne la konceptojn pri l' naskiĝo, vivo kaj morto.

Ankaŭ pri tio estus ankoraŭ frue paroli, ke iradante preter kaj inter la longaj tabloj, la fabrikadon de kiel multaj kaj plurspecaj organoj mi povis observi; ja, kun miaj tiamaj konoj, estis al mi tute nekomprenebla kaj ne konceptebla ne nur la celo, sed eĉ la strukturo de granda parto de ĉi tiuj organoj. Mi notas nur, ke mi vidis post la lasta tablo sur ia estrado tute pretan, kunmetitan solasi starantan senmove, ĉirkaŭ ĝi fervoris la laboristoj, kaj ŝajnis, ke ili ĝuste nun muntis al ĝi tiujn movaparatojn, kiujn per tera vorto oni nomas motoro; tra aperturo ili ĝuste nun verŝis en ĝin ian fluidaĵon kaj sube ili ŝraŭbis ion. Forirante mi aŭdis ankoraŭ, kiam en la interno de la solasi komenciĝis sonoro kaj rerigardante mi vidis, ke ĝi malrapide levas sian kapon kaj ĉirkaŭrigardas.

*(Daŭrigota)* El la hungara: *L. Totsche*

# La kverelo

— Kenelm Robinson —

*Printempo 1929.*

»Do — alĵetis Colt subite el sia brakseĝo — ĉu ni daŭrigu tiel absurde?«

»Vi intencas diri?« — respondis Bernard, tuj enfermiĝante, kiam li ekvidis la ŝanĝon sur la vizaĝo de Colt: ŝanĝon de gaja amuzo en intiman pikemon.

»Mi intencas diri, ke nia tuta interrilato estas iom absurda kaj infaneca, kaj ke vi devas fine cedi vian fieraĉon, por ke ni estu amikoj denove. Vi kondutis vere nekompreneble strange. Jen, antaŭ... kiom da tempo?.. antaŭ proksimume unu jaro vi frakasis nian amikecon, pro tute senbaza ĵaluzeco, ĉar mi kelkfoje dancis kun la knabino, kiun vi, laŭdire, amis, kaj kiu, cetere, nenion valoris. Vi eĉ ĵuris tiam, ke vi tute forpelos mian memoron el via menso. Sed jam post monato, mi ricevis de vi leteron kun la konsilo, ke mi nepre vizitu la ekspozicion de nederlanda arto. Kaj la sekvantan semajnon, vi vizitis min, kunportis verkon de Aldous Huxley, preskaŭ trudis, ke mi ĝin legu. Kaj de tiam ofte, preterpasante mian domon, vi lasis ĉe mi revuon kun artikolo pri iu nia preferata aŭtoro, aŭ, se mi troviĝis hejme, vi eĉ envenis, por kun mi interparoli, kiel nun diskuti, amuziĝi. Bone, mi povas tion kompreni. Post dekjara amikeco, komenciĝinta en knabaĝo, oni ne disiĝas tiel facile. Ni estis amikoj dum la plej impresiĝema vivo-periodo, havis tiom da kunaj ĝojo kaj doloro, pasigis tiom da belaj horoj, diskutis tiom da temoj, influis bone kaj instigis mense unu la alian. Sed mi volus esti certa, ke min ne atendas plu tia malagrabla surprizo. Forlasu do ĉi tiun etaniman sintenon, konfesu, ke vi agis vere absurde.«

Metante unu gambon sur la alian, Bernard respondis sentenceme:

»Ĉu vi ne konsentas, ke amikeco, kiu estas tiel bela en la memoro, devus ankaŭ resti ne kontuzita per la tuŝo de l' realo?«

Colt gestis senpacience:

»Jes, jes, tre lerte, tre lerte! Mi bone konas ĉi tiun kunpremeton ĉe l' buŝo, kiu ĉiam akompanas viajn aforismojn, ofte ĝi amuzis min, sed nun mi sentas pro ĝi nur ĝenon. Ree mi petas, estu sincera, senkaŝa, rektparola.«

La lipoj de Bernard dum minuto restis senmovaj. Li meditadis, ŝajne neatentante la observeman rigardon de Colt.

Kaj Colt dume konstatis, ke li rigardas kvazaŭ fremdulon, ke li estas ĉiam ankoraŭ senscia pri la motivoj, mensa fono, pensmaniero de tiu, kun kiu tiel ofte li lacigis la lunon, diskutante pri la vivo, pri la amo, pri la literaturo, en lokoj ĉiuspecaj, en sia kabineto, en restoracioj de la Londona noktuma kvartalo, en hoteloj Parizaj dum libertempoj, ĉie kaj ĉiel.

Speciale pri la motivoj de la disiĝo li scivolis vane. Li konis iomete la knabinon, tiam amatan de Bernard, kelkfoje babilis, kelkfoje dancis kun ŝi, sed por la disiĝo tio povis esti nur preteksto, kaj la tiama ĵaluzo de Bernard nur ŝajnigita. Kaj alia kaŭzo estis tute ne divenebla. Nu jes, Colt rememoris ja akrajn disputojn pri bagatelaĵoj, pri demandoj politikaj, sed tiajn disputojn neniu konsideras serioze. Kaj estas vere, ke Bernard ofte havis humoron strange plendeman, pro supozita malatento, pro forgesemo de Colt. Kaj Colt devis konfesi, ke en ĉi tiu punkto Bernard plejparte pravis. Sed li ĉiam ricevis ja tute volontan pardonpeton, kiu lin ŝajne ĉiam kontentigis.

Li ŝajnis al Colt simila al knabino, neniam oni povis esti certa pri li, ke li ne ofendiĝos neatendite kaj ne interrompos la trankvilan interrilaton per akra parolo aŭ severa kritiko.

Kritiko! Colt nekomforte pensis pri kelkaj diroj pike trafaj. Efektive, li devas konfesi — sed nun li ĉesigis la meditadon, firmigis la vizaĝon kaj rigardis demande la viron sidantan antaŭ li.

»Vian intelektan scivolemon mi bone konas jam delonge« — diris nun Bernard ironie. — »Mi do kontentigu ĝin. Vi eble memoras, ke mi ĉiam emis verki, por prezenti mian koncepton pri la homa karaktero, ĉar mi rigardis rekte tra la agoj kaj paroloj de miaj konatoj, ĝis la pensoj kaj motivoj. Tiel mi perdis la amon de la homoj, gajnante intereson al la vivo. Kaj, eble pro la deziro min rekompenci, mi celis atingi famon sur la literatura kampo. Tamen, kiam mi provis meti sur paperon miajn impresojn, mi trovis gravan malhelpon. Malgraŭ mia analizemo kaj cinikismo, mi estas homo tre tre sentimentala, tion vi scias, ĉar vi ofte min mokis pro tio. Kaj vere, mi trovis, ke la homoj, kiujn mi plej profunde konas, kiujn mi amis pasie kaj daŭre, restis en tia parto de l' menso, el kiu mi ne povis ilin eltiri por objektiva priskribo, kiel ajn ofte mi cerbumis pri ili. Kaj pri homoj, kiujn mi konis nur supraĵe, mi ne havas intereson, ilin mi neniel volis prezenti.

Do, mi elektis intimulon, kiun mi ofte provis ami, kiu naskis en mi venenon per sia neatento kaj neglekto de miaj dumjaraj amikaj servoj kaj afablaĵoj, kiu tamen ofte montris al mi, aŭ almenaŭ antaŭ mi, sian internan emocion, kaj — mi okazigis kverelon, pri afero grava laŭ sociaj konvenaĵoj, tiel ke min nenia lojaleco plu ligis, nenia sentimentala memoro mal-

---

# *Ekzilo*

***— Brian Price-Heywood —***

*Post longa, longa majovarmo,*
*majovarmo bluplafona,*
*ekfalas jen unua larmo*
*de la pluvo vivodona;*
*ekfalas jen la larmo dua,*
*jen la tria, jen milobla*
*sin verŝas unutone brua*
*gutetaro. Spir' oktobra*
*freŝeta, malebria, tiklas*
*la naztruon; kaj malseke*
*odoras grundo; sang' ekviglas;*
*plantoj skuas sin; plenbeke*
*paseroj pepas. Grizo milda*
*anstataŭas la purbluon.*
*Ekrememoro preskaŭ bilda*
*pentras re la vivofruon:*
*irej' erika serpentumas*
*trans nub-vualata monto;*
*dometo blanka blue fumas*
*ĉe krepuska horizonto,*
*la lamp' olea verŝas varman*
*lumon al malalta vando.*
*Mi sentas, hej, sopiron larman*
*por mia griza, norda lando!*

# Elmigrintoj en Svislando

— G. Agricola —

Jam la trian fojon de 30 jaroj alfluas miloj da politikaj fuĝintoj trans la landlimoj, serĉante azilon kontraŭ minacanta danĝero, kaŭzita al ili pro hejmlanda renverso. Post la unua rusa revolucio, en la jaroj 1905/6, trovis la antaŭgvardio de la Petersburga kaj Moskva spiritologio kelktempan enirpermeson. La mondmilito kaj ĝiaj malbonaj sekvoj en la ĉirkaŭaj landoj alkondukis el ĉiuj direktoj pacproklamantojn, estintajn reĝojn, estontajn diktatorojn, spionojn kaj amason da politikaj aventuruloj. Estis multaj maltrankvilaj, danĝeraj kaj endanĝerigitaj homoj, kiuj ŝanĝis la trajton de l' urboj, precipe tiun de Zürich.

Antaŭ kelka tempo okazis denove politika terŝoviĝo, ĉi tiun fojon en la nordo. Nova reĝimo en Germanujo ekpelis judojn kaj marksistojn, ĝis parto alilokiĝis trans la Rejno al Basel, Genevo, Zürich, Ascona. De tiam flugetas ektimigita elmigrinta popolo tra stratoj kaj kafejoj, enirhaloj kaj hotelsalonoj.

Antaŭ granda hotelo en Zürich haltas du grandaj aŭtomobiloj, plenplenaj de homa transportaĵo. La pordoj estas malfermitaj kaj kofroj, infanoj, ĉapelujoj, malgrandaj rondformaj virinoj elruliĝas. Dika riĉulo estas la ĉefo de la parencaro. Estas seninterrompa babilado, klaĉado, ridado, ĉirkaŭbrakado. Per grandaj sinmontro kaj bruo plenigas centoj, kiuj jam antaŭe alvenis, la ejojn kaj koridorojn de la monduma karavanejo, kie la paŝoj mallaŭtiĝas pro la tapiŝkovrita planko.

La granda halo estas sieĝata kaj la gazetoj legataj, precipe de la virinoj de la elmigrintoj.

La kutimaj malnovaj gastoj, kosmopolitoj aŭ altkreskaj aristokratoj, staras senhelpe antaŭ la invado de la ekscitita riĉa popolo. La tradiciaj reguloj de la azilkonsentanta lando, la devigo nenion fari, tiu ĉi subita abundo de libera tempo kaŭzas, ke el la komerckonsilantoj, grandmogoloj de l' komerco kaj advokateco neniu precize scias kiel konduti. Oni povas konstati, ke ĉi tiu necerteco kelkfoje gvidas al tro videble markita certeco, nepre ne kredinda. La daŭra promenado, starado, konversaciado kaj la ceteraj cent gravaj negravajoj de homoj, kiuj havas tempon, ne estas facile lerneblaj. La maljuna hebreo el oriento ekzemple, tiu kun la harrulaĵoj kaj la nigra tonsurĉapo, supozeble laborinta pene dum sia tuta vivo, nur malrapide sukcesas kompreni, kion oni povas fari per riĉeco, tempo kaj printempo. Tamen, li jam lernis, ke estas bone iri en la ĝardenon kaj sidiĝi en la suno. Okazas subitaj ŝanĝoj. Tiam li fariĝas agema kaj kunportas dekduon da gazetoj. Fine li ridetas sagace: Ah, nenio povos okazi al mi.

Jen estas alia. Tra Aŭstrio la vojo kondukis lin tien ĉi. Antaŭe li estis vera grandduko, ne laŭ la Gotha Almanako, sed laŭ la plumo. Lia blazono estis du literoj en grava gazeto (Th. W.),* lia nobleco estis la prudento. Escepte de fora memoro pri la sama Dio, nenio lin ligas al tiuj ĉi laŭtvoĉaj komercestroj. Lia doloro havas nenion komunan kun la plorĝemado de la aliaj. Fremda li iras inter ili; la estimplena atento, kiu lin ĉirkaŭas, estas malcerta kaj embarasa. La peza viro kun la blankaj haroj kaj la febre-ruĝa vizaĝo ne forkuris. Ne temis por li savi sin aŭ sian havaĵon. Li nur foriris. La novaj estroj ne havas lokon por li, li iĝis superflua. Nun li estas laca kaj ridetas al junaj patrinoj kaj infanoj.

La gastoj de pli modesta hotelo en la malnova urbo estas pli tuŝitaj kaj vivas pli reteniĝeme, kompare al siaj »grandaj« samkreduloj. En la longa konstanta atendo de io terura, la vizaĝoj kuntiriĝis. Tiuj ĉi intelektuloj kaj komercistoj estas efektive signita popolo, al kiu la fantoma minaco sidas en la dorso. Kiom multe ili havus por rakonti al si kaj kiom malmulte ili plendas. La longstatura scienculo hanoverana kaj la maljuna edzino timeme sidas en angulo. Perdiĝintaj inter la indiĝena publiko en la restoracio. Al la elĉerpa demando: »Kion vi faris?« neniu el ambaŭ scias respondi. Li jam estis profesoro universitata dum generacio; ŝi estis lia aganta kunulino. La sola filo estis mortinta sur la Pikarda tero, mortinta por la flago nigra, blanka, ruĝa. La vizaĝoj estas grizaj, estingiĝintaj. Okuloj, kiuj nenion komprenas. Nur la frunto de la viro estas libera kaj hela. Li instruis roman juron kaj ĝis hieraŭ vivis nur en la mondo de siaj libroj.

Jen viro alia, kiu restis certa pri si mem kaj kun sia vizaĝo atestanta pri penslaboro, li ne apartenas al la timemuloj. Li konscias pri la antikva heredo de sia raso, kion li konservas, kaptita de ideo. Krom la kredo, li kunprenis nur amikinon. Blonda virino, ligita al li, zorgas pri li kaj timas pro lia tro certa sinteno. Kvazaŭ ne rezultus io bona el tio. Svisa civitano simplanima, eble malgranda partia funkciulo, kun insigno ĉe la jako, eksidas ĉe la tablo. Vidante la insignon, la hebreo lin alparolas. Malgraŭ la dokumentita socialismo la sviso kon-

* Theodor Wolff, ĉefredaktoro de l' *Berliner Tageblatt.*

---

helpis priskribi lin, interesegan, nekredeblan homon laŭ la plej objektiva vidpunkto.«

Bernard haltis, rigardis al Colt kaj aldonis en malserioza tono:

»Kaj la sukceso? Nu ĝi ankoraŭ ne estas tre granda; sed unu novelo (tre lerta, cetere) jam aperis de mi en esotera revuo«.

Kaj liaj lipoj kurbiĝis ironie.

La kolero de Colt apenaŭ estis videbla. Kaŝante la doloron, li ĵetis parolon nekredeman kaj mokan:

»Tre originale, tute tiel, kiel oni atendus de vi. Vi nepre scias lerte falsi la pasintecon, rekonstrui motivojn. Nu, vi evidente decidis, ke vi restos malsincera pri la tuta afero. Vere ne necesas, ke mi plu malŝparu vian tempon.«

Bernard stariĝis por foriri. La adiaŭo, firma manpremo, okazis, okulojn kontraŭ okuloj.

Kelkajn tagojn poste, same tie, en la kabineto de Colt, sidis ne Bernard, sed lia amiko kaj rakontis pri l' admono, kiun li donis al Bernard antaŭ longa tempo.

»Mi ne moligis la vortojn, metante antaŭ lin la fakton, ke en la socio estas tre nekonvene havi la famon esti »malbona kuŝanto«, laŭ la franca esprimo, ke homo kverelema, malpaciĝema, kiu tro kritikas kaj tro postulas, eble akiras momentan plezuron, sed certe trovos sin fine soleca kaj malatentata, sen kompreni la kaŭzon. Kompreneble li kontraŭdiskutis, ne tre ĝentile, sed mi kredas, ke miaj vortoj bone efikis. Finfine, li estas saĝa bonulo; cetere li estas ambicia, kaj ne volos agi laŭ maniero agaca al la socio.«

»Strangulo, kiun mi ne plu atentos« — respondis Colt abrupte kaj turnis la konversacion al alia temo.

Antaŭ la nokto li ne permesis al si mediti pri la parolo de Bernard, kaj li pensis, ke eble la daŭra servemo per libroj, serio de leteroj kaj vizitoj, ke ĉio ĉi estis kaŭzita de la deziro, eviti la famon de »malbona kuŝanto«.

Nur enlitiĝinte li ekmeditis pri la stranga motivo de Bernard, sed dum tre longa tempo li kuŝis pripensante, sen decidi pri ĝia vereco. Li aŭdis, ke la horloĝo batis la unuan, poste la duan. Tiam li turnis sin en la lito, rigardis ankoraŭ unufoje la bretaron libroplenan, lumstriitan de palflava luno. Kaj tute laciĝinte, kun larmaj okuloj, li ekdormis.

# La etulo

— Guy de Maupassant —

Sinjoro Lemonier havis infanon kaj vidviĝis. Sian edzinon li estis aminta arde, pasie, kareseme, plene dum la tuta kunvivado. Li estis bonkora, honesta, simpla, tre simpla viro, verama, fidema kaj bonfarema.

Iam li enamiĝis al malriĉa najbarino, petis ŝian manon, kaj sin ligis edze al ŝi. Drapkomerco sufiĉe bone prosperis al li, monon li gajnis, kaj ne dubis unu sekundon, ke li estis akceptita pro si mem de la junulino.

Cetere ŝi igis lin feliĉa. Nur ŝin li atentis en la mondo, nur pri ŝi li pensis, kaj senĉese okulis al ŝi per okuloj de respekta adoranto. Dum manĝo, prefere ol malrigardi la amatan vizaĝon, li faris mil mallertaĵojn, verŝis vinon en sian teleron kaj akvon en la salujon, poste ekridis kiel infano, ripetante:

— Mi tro amas vin, kaj fariĝas malsaĝa.

Ŝi ridetis serene, rezignacie, kaj preterigis la rigardon, kvazaŭ ĝenate de la edza adorado. Lin ŝi klopodis paroligi, penante babili pri io ajn, sed li ekkaptis ŝian manon trans la tablo, ame premis ĝin en la sia, kaj susuris:

— Janjo kara, Janeto mia!

Fine ŝi malpacienciĝis, kaj ordonis:

— Nu, estu saĝa, manĝu, kaj lasu min manĝi.

Li ĝemveis, derompis panpeceton, longe maĉadis...

Kvin jarojn ili vivis senidaj. Subite ŝi gravediĝis. Estiĝis delira ĝojo. Li ne forlasis ŝin eĉ unu momenton dum la tuta gravedtempo, tiel ke lia servistino, maljuna servistino, kiu edukis lin dum lia infanaĝo, kaj mastrece parolis en la hejmo, plurfoje forpelis lin eksteren, fermante la pordon, por ke li devige spiru iom da freŝa aero.

Li intime amikiĝis al oficeja subestro ĉe la prefektejo, juna viro, kiu koniĝis kun lia edzino en la tempo, kiam ili estis geknaboj. Sro Reven manĝis tri fojojn semajne ĉe sro Lemonier, kunportis florojn al la sinjorino kaj iafoje loĝibileton por la teatro; ofte dum la deserto tiu bona Lemonier sin turnis al sia edzino, kaj kortuŝe sentencis:

— El kunulino kiel vi, kaj amiko kiel li konsistas plena surtera feliĉo.

Dum la akuŝo ŝi perdis la vivon. Li preskaŭ mortis pro ĉagreno, sed kuraĝiĝis rigardante la infanon, etulon kuntiriĝintan kaj ĝemantan.

Li amis lin per amo pasia kaj dolora, amo malsana, en kiu restis morto-memoro, sed kie postvivis io el lia adorado al la mortintino. Tiu infano estis la karno de la edzino, ŝia daŭrigata esto, kvazaŭa kvintesenco de ŝi, ŝia vivo mem pasinta en alian korpon; ŝi estis malaperinta, por ke li vivu. Kaj la patro lin kisis fervore. Sed kial mortigis ŝin tiu infano? Kial li prenis tiun adoratan ekziston, sin nutrinte per ĝi; kial li fortrinkis ŝian vivon? Kaj sro Lemonier remetis sian filon en la lulilon, sidiĝis apude, kaj admireme lin rigardadis. Tie li sidadis longajn horojn, pensante pri mil dolĉaj aŭ malgajaj aĵoj. Poste, kiam dormis la etulo, li sin klinis al lia vizaĝo, kaj larmadis en liaj puntaĵoj.

Kreskis la infano. La patro ne plu povante resti for de li eĉ unu horon, vagadis ĉirkaŭ li, promenigis, vestis, purigis, manĝigis lin. Lia amiko sro Reven ankaŭ montris grandan amon al la knabeto, kiun li kisis kun puŝoj de furioza amemo kutimaj al gepatroj.

---

servas sian bonan kutimon, la »federalan« suspektemon. Sur la bazo de la du-kaj-duon-Internacio oni fine interkonsentas. La sviso serveme cedas sian scion, siajn konsilojn kaj adresojn. La fremda politikisto ridetas. Sur nova tero li ree batalos por malnovaj celoj. La interligo jam ekzistas. La viro estas danĝera.

En malgranda konfitejo ĉe la stacidomo trifoje aperas la eterna judo tra la pordo. Blovas fantoma venteto, Eble de iu Ghetto orienta, eble el la detruitaj kolonoj de la Salomona templo. Trifoje oni mendas kafon, ĉiam en maniero fremda al la landa kutimo. La lingvo kvazaŭ forpuŝas, memorigante, per subita bonsoneco, pri malnova preĝo. Ĉiuj tri estas bone vestitaj. Unu portas multe da ornamaĵoj. Oni rajtas supozi, ke iam li devos vivi el ilia vendo. La manoj estas nervecaj, okuloj de blua nigro, rigardo malcerta kaj timema. Ili portas aktujojn, kaj parolas inter si pri negocoj. Ne pri la gastlando, ankaŭ ne de la lasta gastiganta popolo, kie ili vivis ĝis hieraŭ. Estas danco de Sankta Vito ĉirkaŭ la avido fari negocojn. Nenion ili scias de spirita mizero kaj kvankam ili nur povas pensi en kategorioj de ŝtrumpoj, la nekredebla vivpovo de ilia gento vidiĝas el iliaj planoj. La kutimoj kaj la nomoj de la lando ne estas ankoraŭ al ili konataj. Pagante ili tamen ne eraras. 60 rapoj (centimoj) estas jam konata afero. Ili ne bezonas klasigi fremdajn monerojn. Ili donas tro multe kaj tro videble trinkmonon. Ili ne estas »heimatlos« (sen patrolando). Ili estas ĉie hejme, kie oni aĉetas artsilkajn ŝtrumpojn.

La milda printempo puŝas dum tiuj tagoj ankaŭ la ceterajn kaj malpli oftajn specojn de elmigrintoj en la liberan aeron — kaj inter la homojn. Ekzemple ĉe AHU. Tio estas ia moskva rifuĝejo en la kvara distrikto. Du germanaj komunistoj aŭtentikaj staras antaŭ la pordo. Blua ĉapo, ĉifonita, tuko kolora ĉirkaŭ la kolo, la manoj en la poŝoj, sportŝtrumpoj kaj cigaredoj. Virino alvenas, malgranda vizaĝo kaj sovaĝa hararo, speco de petrolulino (petroleuse). Ne estas aŭdeble, pri kio ili interparolas. Videbla estas nur la arda malamo de l' subtera mondo.

Tra la Bahnhofstrasse (stacidoma strato) kaj la tie troviĝantaj konfitejoj svarmas dum la te-tempo la edzinoj kaj filinoj de la burĝaj fuĝintoj, senditaj jam semajnojn antaŭe, aŭ lasitaj post la vintra libertempo en la lando, parte ankaŭ veraj printemp-gastoj. Dio scias, kion la edzoj dumtempe faras. La sinteno de la elmigrintaj virinoj ŝajnas sufiĉe libera kaj ilia parolmaniero sen ia ĝeno. Sed nur ŝajnas tiel. Vere ili estas tre decaj kaj neniel ekrilatas kun la »sekvantoj«. Ilia aspekto tuj trankviligas pri la pagokapablo de la edzo. Ili amas preskaŭ ĉiuj iomete akcenti ion, la »ruĝon« de la lipoj, la deklive portatan ĉapeleton, la sanan brunecon de la haŭto aŭ ion alian. Ne mankas al ili certa memestimo. Ili estas »ŝikaj«, sed ĉiam kun preseraro. Tiu certeca rezervemo kaj retenemo kiu protektas la rusan elmigrantinon kontraŭ scivolemo, mankas al ili.

La infanoj de la elmigrintaj virinoj estas pli protektitaj kontraŭ demandoj. Tuta kolonio sur la alto de la dekstra lagbordo, ĉe la periferio de la urbo, estas ilia mondo. En la kortoj kaj en la sunplenaj plantaĵoj de la kvartalo promenas la neniosciaj infanoj de la forpelitoj. Multaj belaj infanoj kaj delikataj knabinoj etkreskaj. Amuziĝanta kaj amuzanta popoleto. Kiajn mirigajn okulojn ili havas, avide moviĝemajn por kapti ĉion novan; fremdajn homojn, lagon kaj montojn. Knabo simpatia, kiun oni demandis, silentiĝis tuj. Kaŝe li diris: »Ni estis en granda timo, paĉjo restis«. Ĉiuj aliaj ne vidis teruron aŭ ne komprenis, kio okazis al ili, ĉar ili estas feliĉaj kaj plenaj de fido. Ĉu ili fariĝos la amikoj de la brunaj kaj blondaj infanoj ĉirkaŭ ili? Aŭ ĉu estas ilia sorto, nenie havi la rajton de hejmlando, foje jam forpelitaj el la unua hejmo?

# Kriŝna

— Anton Aŝkerc —

*Pli alten, alten tra l' aer'*
*flugportas lin flugiloj...*
*Jam paradiza Durakam'*
*vidiĝas — urb' en briloj.*

*Li estas dio Viŝnu. Dum*
*jarmil' li mondon migris;*
*kaj home vivis Kriŝna mem,*
*instruis kaj ne pigris.*

*Ĉehejme... En la dia rond'*
*akceptas Kriŝna-n caro*
*ĉiela, Indra, en la sorĉ'*
*de l' paradiz-brilaro.*

*Demand-atakas lin la rond'*
*sen ĉeso kaj sen limo:*
*»Kiel vi, Kriŝna, vivis sur*
*la ter' laŭ homkutimo?«*

*»Sen mortaj tre feliĉaj vi,*
*facilas dio-flegi!*
*Tre alte super suba mond'*
*facilas estre regi!*

*Ĉu ion scias vi pri — sang',*
*vivsuko ruĝa, varma?*
*Kiel vigligas homon ĝi —*
*per sia bol' enkarna?*

*Ĉu regis vin pasi' de korp',*
*sopir', dezir' korŝire?*
*Ne premas vian koron trist',*
*ne pulsas ĝoj' ĝin mire.*

*Nenion scias vi pri am',*
*pri flor' de vivosorĉoj;*
*nek scias vi pri paradiz'*
*de l' viv' kaj ĝiaj dolĉoj.*

*Nenion scias vi pri tent',*
*pri lukto senripoza;*
*nek scias vi pri fal' kaj pek',*
*pri pento tutsenpoza;*

*nek scias pri esper' kaj tim',*
*pri disreviĝo svena,*
*pri nask'; kaj mankas al vi kon'*
*pri morto rabo-prena...*

*Ĉi ĉion, dioj, spertis mi*
*dum viv', sufer' surtera...*
*Sopiras mi je homa mond'*
*kaj rea vivo vera!«*

El la slovena: *Marko Demetroviĉ.*

---

Li igis lin salteti inter siaj brakoj, danci rajde dum horoj sur sia kruro, levis lian jupeton, kaj kisis liajn bubajn femurojn kaj grasetajn tibikarnojn. Ravite sro Lemonier flustris:

— Kiel beleta li estas, kiel beleta!

Kaj sro Reven interbrake premis la infanon, tiklante al li la kolon per siaj lipharoj.

Nur Celesta la maljuna servistino ŝajnis tute ne havi inklinon al la etulo. Ŝi grumblis kontraŭ liaj petolaĵoj, kaj koleriĝis pro la dorlotado de ambaŭ viroj.

— Ĉu povas esti, ke infanon oni edukas tiamaniere? — ŝi diris indigne. — El li vi faros belan simion!

Tempo pasis, kaj Johano naŭjariĝis. Li apenaŭ scipovis legi, tiom trodorlotita li estis, kaj ĉiam agis nur laŭ sia propra plaĉo. Li sin montris persistega, obstinega, terure kolerema, kaj la patro ĉiam cedis, ĉion konsentis. Sro Reven aĉetis, kaj ĉiumomente alportis ludilojn deziritajn de la bubo, kaj lin nutris per kukoj kaj bombonoj.

Tiam Celesta ekscite deklaris:

— Estas hontindaĵo, sinjoro, hontindaĵo! Vi kaŭzas malfeliĉon al tiu infano, malfeliĉon: vi aŭdas, ĉu? Sed necesas, ke tio finiĝu; jes tio finiĝos, mi diras, mi certigas..., kaj post nelonge, jes!

Sro Lemonier respondis kun rideto:

— Kiel mi faru, Celnjo? Lin mi tro amas; kontraŭi ne povas. Nur rezignaciu!

Johano ŝajnis malforta, iom malsana. Kuracisto diagnozis anemion, receptis feron, duonkrudan viandon, kaj viandsupon.

Sed la etulo frandis nur kukojn, kaj rifuzis ĉian alian nutraĵon; la patro senhelpa plensatigis lin per flanoj kaj ĉokoladtortoj.

Iun vesperon, kiam ili duope altabliĝis, Celesta kun ordonema, mastreca, nekutima mieno alportis supujon. Ŝi senaverte malkovris ĝin, kuleron ensupigis mezen, kaj verdikte decidis:

— Jen supo, kian mi ankoraŭ neniam kuiris al vi; nepre necesas ĉifoje, ke la etulo manĝu el ĝi.

Sro Lemonier terurite mallevis la kapon. Li antaŭsentis, ke baldaŭ estos katastrofe.

Celesta memplenigis teleron, kaj metis antaŭ lin. Tuj li sorbetis iom el la buljono, kaj asertis:

— Efektive, ĝi gustas bonege.

Tiam la servistino prenis la teleron de la etulo, enverŝis supon, retiriĝis du paŝojn, kaj atendis.

Johano flaris, kaj naŭze forpuŝis la teleron. Celesta paliĝis, abrupte alproksimiĝis, kaj perforte enŝovis tutplenan kuleron en la duonmalfermitan buŝon de la infano. Li sufokiĝis, tusis, ternis, kraĉis, kaj kriegante ekkaptis kaj ĵetis al la servistino sian glason, kiu trafis ŝin rekte sur la mezo de l' ventro. Tiam en paroksismo de kolero, ŝi ĉirkaŭprenis la kapon de la bubo, kaj senhalte engorĝigis al li kulerplenojn da supo. Ilin li vomis unu post alia, piedfrapis, tordiĝis, baraktis, manbatis la aeron, kun vizaĝo ruĝa kvazaŭ li estus mortonta tuj pro sufokiĝo.

Tiom mirigita estis la patro, ke li komence restis senmove. Subite li sin ĵetis impete kontraŭ la servistinon, ŝin ungepremis ĉe la kolo, kaj forpuŝis al la muro, singultante:

— For de tie ĉi!... for!... for!... brutulino!

Sed ŝi skue liberigis sin, kaj kun hirtaj haroj, kufo surdorsa, ardaj okuloj, ekkriis:

— Kio okazas al vi nun? Vi volas min bati, ĉar mi manĝigas supon al tiu infano, kiun vi baldaŭ mortigos per viaj dorlotaĵoj!...

Ektremo trakuris lian korpon. Li ripetis:

— Iru for!... for!... for!... brutulino!...

Tiam frenezigite ŝi revenis al li, kaj vizaĝo kontraŭ vizaĝo, tremvoĉe:

— Ha!... vi opinias, ke vi min traktos tiel! min, min?... Ha ne! kaj pro kio?... pro tia bubaĉo, kiu eĉ ne estas via... Ne... ne via! ne via!... ne via!... Tion ĉiuj scias, kompreneble krom vi!... Demandu la spiciston, la buĉiston, la paniston, ĉiujn, ĉiujn...

Ŝi balbutis, sufokite de kolero; poste silentiĝis, kaj lin rigardis.

Li, mortpala, fulmofrapita, ne plu sin movis. Post kelkaj sekundoj li elbuŝigis per stertora voĉo, en kiu tamen tremetis intensa emocio:

— Kion?... kion?... vi diras?

Ŝi diris nenion, timigite de lia teruranta vizaĝo. Li pluiris unu paŝon:

# Vivo kaj laboro de literaturisto pola

— Dr Marek Wajsblum —

Per krampoj de ciferoj kapti la vivprocezon, ĵeti ĝin sur ekranon de diagramoj — jen penso grandioza, kiun per siaj malkovroj fare revis biologistoj, kiun en streĉo de penso celas la iluzidetruanta historiisto, hakanta la krudan minaĵon de faktoj estintaj per la martelo de la historia materialismo. Esprimi per ciferoj la multvariecon de penso kaj faro — jen tasko, kiun entreprenos ekonomiisto aŭ sociografo, antaŭ kiu hezitos iafoje historiisto kaj plejofte rezignos esploranto de estetikaj valoraĵoj. La ciferoj tamen invadas ankaŭ tiun, ĝisnun por ili neatingeblan, regionon — la statistiko el la cirklo de mezureblaj aĵoj kaj faktoj penetras en la regionon de la aperaĵoj individue senteblaj kaj pro tio ŝajne nekompareblaj, nekapteblaj per nombro, neesprimeblaj ciferfunkcie. Ni rememorigu nur la stilometrion,[1]) kiu la senteblajn valorojn de la literatura aperaĵo reduktas al percepteblaj nombrofunkcioj. La stilometrio tamen esploras nur unu el la finaj stadioj de la krea procedo — la antaŭaj stadioj, la kreanto mem, restas ekster la metrologiaj metodoj. Tiun ensorĉitan rondon de individuvarieco iafoje, okaze, kun hezito kaj ĉiaspecaj limigoj, provas invadi iuj pli kuraĝaj esplorantoj por konstati ekzemple la genetikan rilaton inter la socia medio de la kreantaro de kulturvaloroj kaj ĝia kredirekta ideario. Ĉi tiu metodo — trafa principe — mistrafas iafoje en la apliko, pro la preterlaso de la kunigaj ĉeneroj, kiuj (enmase konsiderate), decidas la karakteron de la kreado: la senperan medion de la kreantaro. Kaj ĝuste ĉi tien, kie plej intime interrilatas kaj la homo kiel kreanta individuo, la percifere kaptebla amasekstero kaj la individua, nemezurebla interno, ĝuste ĉi tien devus esti direktita la atako de la statistika kulturesploro. Eĉ pli kuraĝe — por penetri en la kreoprocezon mem kaj por konstati la interdependon de la personaj aperaĵoj de kreoforto, ties medio kaj produkto, kiel de fenomenoj de funkcioj statistikaj. En tiu direkto estis farataj nur kelkaj, okazaj kaj hezitemaj provoj, bazantaj cetere ne sur statistiko, sed sur ekzemplado.

[1]) En Espa literaturo — interesa skizo de Dambraŭskas pri »ora leĝo« de divido en poezio.

Ankaŭ okaze kaj certe por si mem neatendite, ekpaŝis tiudirekten enketo de Profesia Sindikato de Literaturistoj Polaj en Warszawa.[2]) Okaze — mi ripetas — ĉar kiam en j. 1930 la Sindikato turnis sin kun vasta enketo al anoj de polaj unuiĝoj de literaturistoj, ĝi celis nur »konstati materiajn kaj moralajn kondiĉojn, en kiuj vivas kaj laboras moderna literaturisto pola« por plene, percifere evidentigi ties senesperan situacion. Tiudirekte la entrepreno sukcesis bonege: ne »vivo kaj laboro«, sed »vegeto kaj barakto« oni devus nomi la rezultojn de esploro de la 198 respondoj (28.4% el la tuta membraro de polaj unuiĝoj literaturistaj). La statistiko tamen — je la granda surprizo de la organizintoj — penetris pli profunden, malkovrante tute neatenditajn aspektojn de la pola literaturo.[3])

Antaŭ ĉio, ĝi percifere konstatis la skalon de la aktiva partopreno de diversaj landpartoj en la kultura laboro de la tuta Polio kaj la formiĝadon de la enlandaj kulturcentroj. La problemo estas por Polio speciale grava unue pro la tute diferencaj ekonomi-, soci-, kaj kulturkondiĉoj, en kiuj disvolviĝadis la antaŭmilitaj landpartoj sub la regado de tri diversaj ŝtatoj kaj due, ĉar la ciferoj, ilustrantaj la formiĝadon de la kulturcentroj, ilustras ankaŭ la gradon kaj rezultojn de la reunuiĝo de tiuj partoj. Laŭ la statistiko do: el la iama rusia regiono devenis 54.7% de la pola literaturistaro, kio respondas al la procento de la loĝantaro de tiu regiono (59.3%)

[2]) Instituto de Socia Ekonomio. Vivo kaj laboro de literaturisto pola. Sur bazo de enketo de Profesia Sindikato de Literaturistoj Polaj en Warszawa. Eldonite per subvencio de Fondo de Kulturo Nacia. Eldono de Profesia Sindikato de Literaturistoj Polaj en Warszawa. 1932. p. VI+247 (Antaŭparolo de prof. L. Krzywicki, materialo statistike prilaborita de W. Korczakowa, priskribe — de W. Landau).

[3]) *Averto:* Mia skizo nur *baziĝas* sur iuj ciferaj rezultoj de enketo cetere grandparte de mi prilaboritaj por la celoj de la skizo — sed ne resumas la libron. Pri problemoj kaj konkludoj estas responda plejparte mi mem.

---

— Kion vi diras?... kion?

Kaj ŝi respondis kvietvoĉe:

— Nu, mi diras, kion mi scias, kompreneble! Kion ĉiuj scias.

Li levis ambaŭ manojn, kaj kiel sovaĝa besto atakis la servistinon, provante faligi ŝin teren. Sed kvankam maljuna, ŝi estis fortika kaj lertmova. Ŝi forglitis el liaj brakoj, kaj, denove kolera, rifuĝis post la tablon, blekante:

— Lin rigardu do, rigardu, vi, idioto, ĉu li ne estas la vera portreto de sro Reven? Iom rigardu la nazon... kaj la okulojn; ĉu liaj okuloj similas viajn? Kaj la haroj? Ĉu ne de sro Reven? Mi diras, kion ĉiuj scias, ĉiuj krom vi! Pri vi la tuta vilaĝo mokridas. Rigardu lin!

Ŝi atingis la pordon, malfermis kaj malaperis. Johano terurite restis senmova antaŭ la suptelero.

Post unu horo ŝi revenis spione, por observi. La etulo tutmanĝinte la kukojn, la pladon da kremo kaj tiun da sukerpiroj, glutis nun la konfitaĵon per sia supkulero. La patro jam estis elirinta.

La infanon Celesta premis, kisis, ŝtele kunportis en sian ĉambron, kaj enlitigis. Senkonsile ŝi revenis en la manĝejon, forigis la manĝilaron, ordigis ĉion.

Nenio bruis en la domo. Ŝi paŝis al la pordo de sro Lemonier, kaj subaŭskultis. Nenia bruo. Ŝi rigardis tra la ŝlosiltruo. Li skribis, kaj ŝajnis trankvila.

Ŝi reiris en la kuirejon, sidiĝis, kaj kun instinkta antaŭsento atendis, ĉu io neordinara okazos. Ŝi ekdormis sur seĝo, kaj vekiĝis nur ĉe l' tagiĝo.

Kiel kutime, ŝi purigis la domon, balais, senpolvigis, kaj ĉirkaŭ la oka preparis la kafon de sia mastro. Sed ŝi ne kuraĝis alporti ĝin al li, nesciante kiel ŝi estos akceptata; ŝi do paciencu, ĝis kiam li sonorigos. Li ne sonorigis. Pasis la naŭa..., pasis la deka.

Konfuzite Celesta pretigis sian pleton, korbate aliris la pordon, haltis, streĉis la orelon. Nenio moviĝis. Ŝi frapis; neniu respondis. Tiam ŝi kuraĝe malfermis, eniris, aŭdigis teruran krion, kaj el ŝiaj manoj terenfalis la matenmanĝo.

Meze en la ĉambro, kolkroĉite al ringo sro Lemonier pendis de la plafono. El la buŝo abomene tiriĝis la lango. La dekstra pantoflo kuŝis surplanke. La maldekstra ankoraŭ vestis la piedon. Renversita seĝo estis ruliĝinta ĝis la lito.

Celesta duonfreneza forkuris hurlante. Ĉiuj najbaroj rapidis al la pendanto. Kuracisto konstatis, ke la morto okazis jam noktomeze.

Leteron adresitan al sro Reven oni trovis sur la tablo de la sinpendiginto. Ĝi enhavis nur jenajn vortojn:

— Al vi mi adiaŭas, kaj konfidas la etulon.

El la franca: *Marc Pajo.*




D. Fáy: *Ilustraĵo al la komedio de Dante*

rilate al la loĝantaro de la tuta ŝtato. La iama aŭstria regiono (Galicio kaj Cieszyn'a Silezio) posedinta preskaŭ plenan kulturaŭtonomion, estas reprezentata de 41.4% de la literaturistaro ĉe 26.6% de la loĝantaro. Dume, el la iama germania regiono Poznanio, Pomeranio, Supera Silezio, travivinta teruran premon kulturan, kiu celis la ekstermon de la pola nacieco ne ekzistis eĉ unu pola lernejo. la instruado de la pola lingvo estis severe punata kaj eĉ parolado en tiu lingvo en publikaj kunvenoj en iuj urboj malpermesata, devenas nur 3.9% de la literaturistaro (14.1% de la loĝantaro). Krome, la preskaŭa socia homogeneco (agrikultura karaktero) de Pomeranio kaj Poznanio kaŭzas ankaŭ ties relativan pasivecon ideologian kaj kulturan.

Tiel prezentiĝas la partopreno de la diversaj regionoj. Tiu partopreno ne respegulas tamen la kulturan aktualecon de tiuj regionoj: la ĉefurbo (3.3% de la loĝantaro) grupigas 52.6% de la literaturistaro, aliaj urboj de iama rusa regiono 11% de lit. (56% de loĝ.) la sudaj vojevodioj[4]) (iama aŭstria regiono) 20.6% de lit. (26.6% de loĝ.) kaj la iama germana regiono 10% de lit. (14.1% da loĝ.). El tiu statistiko, multe diferenciĝanta de la antaŭa, sekvas, ke Warszawa formas la ĉefan kaj plej fortan centron kulturan, al kiu transmigris 60% de la literaturistoj devenantaj el la centraj vojevodioj, 63% el la orientaj kaj 32% el la sudaj. Plej sorbema estas la iama germana regiono, kiu ne sukcesis formi propran kernon kulturan: 84.2% de ĝia literaturistaro devenas el aliaj regionoj. Precipe aktiva estas la iama aŭstria regiono, kiu ne nur formas fortan preskaŭ fermiten centron (83% de propra lit.-aro), sed ankaŭ inundas la tutan Polion per siaj devenuloj. Dume, la centraj vojevodioj (ekster Warszawa), kvankam sufiĉe produktivaj, ne formas proprajn centrojn. Bedaŭrinde, la statistiko ne prezentas pli detale la dinamikan aspekton de tiu problemo; estus treege interese konstati, kiel prezentiĝas laŭregione la formiĝado de la postmilita literaturista generacio, alivorte, konstati, ĉu la kreo de la propra ŝtato, rezultiganta ekonomian kuniĝadon, rezultigas ankaŭ la kulturan asimiliĝadon de la iamaj landpartoj? Sed jam per la antaŭa statistiko ni povas konkludi, ke 1. la literaturo pola, per la reciproka influado de la regionoj, ludas rolon ne diferencigan, sed homogenigan, 2. ĝin karakterizas ne regionemo, sed centremo, kio cetere respondas al la ĝenerala centremo en modernaj landoj kun strukturo precipe agronomia.

La dua problemo, kiun akre lumigas la statistiko, estas la socia karaktero de la literaturo pola. Ni scias ja, ke pri la kredirekto de literaturisto, decidas plejparte la socia devenmedio, donante fonon kaj nuancojn al la materialo de tiu kreado, oftege eĉ konsistigante la materialon mem. Plejparte — ni aldonis — ĉar okazas iam liberiĝo, aŭ eĉ kontraŭstaro al sia devenmedio (ekz. Hermynia zur Mühlen), la esceptoj tamen nur jesas la regulon kaj ni povas aserti, ke la socia strukturo de literaturistaro estas la bazo de la ideologia strukturo de literaturo. La statisko de la socia strukturo de la pola literaturistaro prezentas specialan kaj karakterizan aspekton. Mi esperas, ke la legantoj de L. M. pardonos al mi statistikajn tabelojn, sed ĝuste tiuj tabeloj valoras multe pli, ol multpaĝaj disertacioj, penantaj difini ĝeneralan aspekton de kulturaperaĵoj. Kreditante do al mi mem la absolvon, mi kuraĝas prezenti la polan literaturon per ciferaj funkcioj kiel fenomenon de la ekonomisocia strukturo de Polio.

| *Socia devenmedio.* | *Literaturistoj* | *Loĝantaro* |
|---|---|---|
| Bienuloj | 32.9% | 0.6% |
| Komercistoj, industriistoj, bankistoj k. t. p. (burĝaro) | 5.1% | 6.0% |
| Intelektlaboristoj, liberprofesiuloj | 56.3% | 5.1% |
| Laboristoj, metiistoj | 3.8% | 35.5% |
| Kamparanoj | 1.9% | 52.8% |

Alivorte, konsiderante la rilaton inter la aktiveco en literaturo kaj la nombreco, ni ricevos la sekvantan vicon de rilatnombroj, difinantan la aktivvaloron de la sociklasoj en la pola literaturo (vicordo, kiel en la tabelo):

1000 : 15 : 200 : 0.7

Ĉi tiu vico estas la difinilo de la ideologia strukturo de l' pola literaturo. Ĉar kion ĝi diras al ni? — Tuj, je la unua ekrigardo, frapas la esploranton la nombro, indikanta la literaturan aktivvaloron de la bienularo. La problemo havas jam literaturon — por kaj kontraŭ — asertantan aŭ neantan la klasan karakteron de la pola kulturo. Nia statistiko havas valoron decidigan.

La agrikultura karaktero de la antaŭdispartiga Polio (ĝis la fino de la XVIII. jc.), ĝia situacio en la mondekonomio kiel eksportanto de greno, difinis ankaŭ ĝian socian karakteron kaj la vojojn de ĝia kultura evoluo. En la vivo de la lando akiris hegemonion la klaso agrikultura, kies grenrikoltoj multoble superadis ĝian senperan konsumkapablon, alivorte, la bienularo. La malnova pola literaturo en la epoko de sia plena disvolviĝo de la duono de l' XVI. jc. ĝis la unua triono de la XVII. jc.; renesanco en la dua duono de la XVIII. jc. havis karakteron pure bienularan; la relative malmultaj literaturistoj de urba deveno (la vilaĝanoj estis servutuloj) subigis sin, krom kelkaj esceptoj, al ties potenca ideologia influo, respegulante malgraŭvole kaj malklare ties tendencojn al ili klasfremdajn. La falo de la grenprezoj kaj la parta elimino de Polio el la mondmerkato en la komenco de la XIX. jc., ne reduktis tamen la kulturan aktivvaloron de la bienularo: la komerca politiko de la nobelaro estis preskaŭ neniiginta la enlandajn industrion, metion kaj komercon kaj kiam la potenca neceso de la industria evoluo pelis la tiaman kulturcentrejon polan, la t. n. Kongresan Reĝolandon (ekde 1815, aŭtonomia parto de la rusa regiono) sur la vojojn de la kapitalista ekonomio, la burĝaron konsistigis precipe hebreoj kaj enmigruloj, restantaj ekster la kultursfero de la socio. Samtempe, la longdaŭra, kvankam ne revolucia, krizo de bienagrikulturo eliminadis el la bienularo grupon ekonomie malfortan,

[4]) Vojevodio — Gubernio (de vojevodo — laŭvorte militistestro; guberniestro).

kiu invadis la tiam kreiĝintan modernan ŝtataparaton. La kreiĝo de profesia intelektularo ne minacis do la kulturan hegemonion de la bienularo, estante mem produkto de ĝia ekonomia malprogreso, male al la landoj okcidentaj, kie la intelektularon konsistigis la leviĝado de la burĝa klaso. Tiamaniere la pola intelektularo — male al la okcidenta — restis esprimmedio de la bienularo. Ĉi tiu kontraŭstaro al la okcidento — malgraŭ la konscia kaj forta kultura interligo — estis akre sentata de la literaturistoj polaj (ekz. poeto Cyprjan Norwid 1821—1883), kaj esprimiĝis ankaŭ en siaspeca (elvokita cetere per la nacia liberecbatalo) nacia mesiismo. (Adamo Mickiewicz 1798—1855,[5]) Zigismondo Krasinski 1812—1857[6]). La literaturo aŭ respeguladis idearon pure bienularan (poetoj Krasinski, Vincento Pol 1807—1872 k. a., komediverkisto A. Fredro 1793—1876, romanverkisto Josefo Ignaco Kraszewski 1812—1887[7]) k. t. p.), aŭ restis sub ties potenca influo, esprimiĝanta per krematerialo (Mickiewicz) kaj per karakterizaj ideodirektoj (v. poste) eĉ ĉe tiuj aŭtoroj, kiuj konscie spitis al tiu heredaĵo (ekz. Julio Slowacki[8]) 1809—1849). Mi ne bezonas substreki, ke ĉiuj nomitoj senpere aŭ pere devenis el la bienularo, mem estis bienuloj aŭ alimaniere estis ligitaj kun biena agrikulturproduktado. Ĉi tiu fakto klarigas al ni ankaŭ, kial la kontraŭstaro al la bienulara ideologio alprenas en pola literaturo ne la formon de pozitiva rilato al la okcidenta, burĝa socio kaj kulturo, sed ĝuste la formon de protesto kontraŭ tiu kulturo, protesto, en kiu renkontiĝas aristokrata reakcio (Z. Krasinski) kun radikalismo (Slowacki, Mickiewicz). La pozitivaj formoj de tiu kontraŭstaro tendencas eĉ al utopia komunismo agrikultura.[9]) Faktoj, kiujn pro la samaj socikondiĉoj ni povas observi ankaŭ en la literaturo rusa kaj en la komencoj de la rusa socialista movado (Dostojevskij, Tolstoj kaj »popolismo« revolucia).

La dua duono de la XIX. jc., depost j. 1864 (falo de la tria nacia leviĝo), aŭ — pli ĝuste — depost j. 1870 karakterizata de nova periodo de agrikultura krizo, kaŭzita de la kapitalismiĝo de l' ekonomio kaj de la rapidega evoluo de l industriismo, karakteriziĝas en la sfero kultura per nova ideologio, kiu forte influita de pozitivisma filozofio okcidenta, respegulis la kulturceladojn de la burĝaro kreskanta rapide kune kun la kapitalisma produktmaniero, kaj kiu en la specialaj kondiĉoj de la pola politika realeco alprenis la formojn de la t. n. »Organisma laboro[10]), akre kontraŭstaranta al romantismo de la unua duono de l' XIX. jc. Kiu tamen reprezentas tiun esence burĝan glorigon de la privata iniciato ekonomia kaj kultura? — Denove la bienuldevenuloj! En la rusa regiono la ŝanĝo de la politikaj kondiĉoj kaj la krizo ekonomia ĵetis sur la labormerkaton junularon eksbienulan, kiu, fortranĉite de akaparita de rusoj bur-

eksbienulan, kiu, fortranĉite de akaparita de rusoj burokratio, konsistigis vicojn de intelektularo same en la germana regiono tiun krizon ne travivis kaj cetere depost j. 1848 ĝi ne sukcesis, parte pro la denaciiga premo de la registaro, krei centron kulturan. En la aŭstria regiono, kun malforta industriiĝo, la sorbkapablo de la nove (depost la konstitucio de j. 1867) formiĝanta aŭtonomia burokrataro solvis la aferon. Tiel do la nova, esence burĝa kulturetapo restis en la literatura aktivsfero de la bienularo, el kiu devenis ĝiaj ĉefaj ideologoj — Elizo Orzeszkowa 1842—1910.[11]) Boleslao Prus (Glowacki) 1847—1912.[12]) Aleksandro Swietochowski (1849 —).[13]) k. a.

Kaj la burĝaro mem? Ni rimarkis, ke — almenaŭ ĝis la dua duono de la XIX. jc. — konsistigis ĝin grandparte hebreoj kaj enmigruloj. Ĝis la plena asimiliĝo kun la pola medio ili devis resti kulture pasivaj kaj la

[5]) Pri Mickiewicz S. Karolczyk (Pola Esp. 1922 n-o2. p. 2—3) kaj antaŭparolon de Grabowski al la traduko de »Sinjoro Tadeo«. Tradukoj: de Grabowki (Sinjoro Tadeo), El Parnaso de popoloj; de Kalocsay (Eterna Bukedo) k. t. p. Mesiismo de M.-ekz. Pola Esp. 1922 n-o2 p. 3—6.

[6]) Krasinski (traduko de B. Kuhl) »Ne dia komedio«.

[7]) V. A. Brzostowski en »Universo« v. IV. 1912/13 p. 8—33, 76—83.

[8]) V. F. Bielak k. Baroko (Pola Esp. 1927 p. 83—85). L. Rosenstock (La Revuo IV 269—272), Kowalewski (Heroldo de E. 1927 n-o 50). Tradukoj de Grabowski »En Svisujo« (1904), »La patro de pestuloj« (1905), »Mazepa« (1912), en »El Parnaso« k. t. p.

[9]) Certan escepton faras periodo 1831—1848 en Poznanio, kie pro tute specialaj kondiĉoj naskiĝis ĝermoj de pozitive burĝa ideologio (filozofo Liebel 1807—1875) flanke de radikala, komunismema fluo (publikisto Eduardo Dembowski, 1822—1846, kaj aliaj.)

[10]) Rezigno je politika batalo, akcelado de ekonomia evoluo por kreo de ekonomiaj kaj kulturaj fortoj, ebligantaj kontraŭstaron al denaciigaj tendencoj de okupantaj ŝtatoj.

[11]) Belmont (Pola Esp. 1910 p. 76—77) S. S. (Esperanto 1912 p. 182—183), L. Rosenstock (The British Esp. 1910 p. 162). Tradukoj: Zamenhof — »Marta« (1910), Kabe »La interrompita kanto« (I—1905, II—1908) »Bona sinjorino« (1909), F. Ender — A . . . B . . . C . . . (1909) k. t. p.

[12]) Trad.: Kabe — »La faraono« (3 vol. I—1907, II—1912), en Pola Antologio (p. 47—63), Grabowski — »Pekoj de l' infaneco«. V. ankaŭ Pola Esp. 1912, 150—152, 1904 p. 43—46, 70—72, 1914 p. 215—233 k. t. p.

[13]) Vs. L. (Espero 1908 p. 54—55), Belmont (Pola Esp. 1908 p. 169—170). Trad.: L. Zamenhof — »Aspazio« (1908), v. ankaŭ Pola Esp. 1908 p. 170—173, 1909 p. 82—84, Universo II p. 2—11, Espero 1908 p. 56—63 k. t. p.

## *La merloj estas sunon trinkintaj*

**— *Maximilian Dauthendey* —**

*La merloj estas sunon trinkintaj,*
*El la ĝardenoj kantoj radias,*
*En ĉiuj koroj nestas la merloj,*
*Kaj ĉiuj koroj kvazaŭ ĝardenoj*
*Floradi scias.*

*La tero fariĝas nun grandflugila*
*Kaj ĉiuj revoj kvazaŭ ebrias,*
*Homoj iĝas birdosimilaj,*
*Kun ĝuo ŝvebas tra l' bluo.*

*Sur arboj flustrantaj abundas burĝonoj,*
*Kaj muĝas kantsonoj nun ĝis la suno.*
*En ĉies kor' sin banas la suno,*
*Ĉiujn akvojn ĝi ekflamigas,*
*Fajron kaj akvon printempo*
*Ame kunigas.*

## *De gigant' akompanate*

**— *Maximilian Dauthendey* —**

*Dum skarlataj rozofruktoj ruĝe brilas en vespera sun',*
*Kaj trunketo blanka de betul' sin etendas al la lum'*
*Kaj la homoj longan ombron havas, de gigant' akompanate iras,*
*La sopiro per fosilo sia pike*
*La trankvilon ekdisŝiras.*
*Dum ko'ĉikoj fermiĝintaj dormon ĝuas,*
*La sopiro kvazaŭ kverkoqaj'o*
*Nigrakolore el arbar' alfluas.*

El la germana: *Hilda Dresen*

# Tri poemoj

**— Janis Trimda —**

## Sur vitro nigra papili'

*Sur vitro nigra papili'*
*dum tuta tago palpe iras,*
*dum ĝin ekstere blankkili'*
*senĉese vokas kaj sopiras.*

*Jam hejmen vokas birda kri',*
*stelaro pri vespero diras;*
*sed sur la vitro papili'*
*dum tuta tago palpe iras.*

## Arbo kun nigra foliaro

*Kun folioj nigraj kreskas*
*stranga arb' el koro mia,*
*kaj, ĉu jesas mi aŭ neas,*
*sangon sorbas korpo ĝia.*

*Kaj en la branĉaro nigra,*
*kiu jam ĉielon boras,*
*dum la vivo, ne velkante*
*mia trist' arome floras.*

## Frambteo

*Frambteo estis surtable,*
*ĉe l' tablo — ni du kaj la ĝoj'.*
*Alvenis vespero afable*
*laŭ mola, silenta neĝvoj'.*

*Kaj estis senlime agrable,*
*kaj milde nin tuŝis la ĝoj'.*
*Frambteo estis surtable,*
*ekstere — silenta neĝvoj'.*

El la latva: *N. Kurzens.*

---

asimiliĝo mem signifis ja subiĝon al la kulturidealoj de tiu medio, la transprenon de la bienulara kulturo, al kiu subiĝadis ankaŭ la kulture sentradicia, esence pola parto de la burĝaro. Al la reprezentantoj de la iama nobelaro restis do la spirita gvidado de nacio. Estas preskaŭ simbolo, ke unu el korifeoj de la nova fluo, Boleslao Glowacki, ideologo de organisma laboro, disvastiganto de esence burĝaj idealoj, alprenis kiel pseŭdonomon la signalvokon de sia blazono — Prus. Ĉu do mirinde, ke tiu »pozitivismo« pola estis treege kurioza aperaĵo — esence burĝa, baziĝanta tamen sur materialo agrikultura, bienulara (Orzeszkowa), aŭ alprenanta iafoje nuancon aristokratan, ĝis malŝata malfido je l' ebleco de la propraj kulturvaloroj de la juna burĝa klaso (ekz. ĉe Prus en romano »Emancipantinoj«). Aliflanke la burĝaro mem, malforta ankoraŭ kaj juna, en sia supreniro ekonomia kaj socia tendencis al tiu idearo, kiun ĝi konsideris esence pola, tendencis humile ĝis memrezigno, ĝis la adoro al la malaperintaj, klase al ĝi fremdaj kaj malamikaj idealoj de la malnova, nobelara socio. Per tio ni povas ekz. interalie klarigi la grandegan sukceson, akiritan de la trilogio de Sienkiewicz[14]) 1846—1916. (Per fajro kaj glavo, Inundo, Sinjoro Wolodyjowski), kiu per brilaj, amplenaj koloroj pentris la nobelaran socion de la XVII jc., epoko de malprogreso ekonomia, socia kaj kultura.

Kaj la intelektularo? Tiu intelektularo, kiu klasiĝinte de kelkaj generacioj, ne povis ja kontentiĝi per la ideologio de burĝaro? kiu ja devis akiri propran klaskonscion kaj krei al si proprajn idealojn? Ni rigardu nur ĝian gvidanton, Stefanon Zeromski (Jeromski) 1864 1925[15]) kiu al la pola intelektularo destinis la rolon de spirita gvidanto de la nacio, kiu la intelektularon volis fari cemento de la socio kaj predikis plenan sinoferon al tiu grandega tasko. Li mem ja dronas en atmosfero de la nobela bienhejmo (ekz. dramo »Kaj pli ol neĝo blanka mi fariĝos . . . «), amas ĝin (ekz. historia romano »Cindroj«, romano »Andreo Radek«), malgraŭ intelekta al ĝi kontraŭstaro, sentas sin kvazaŭ amanta filo, devigita fornei patron pro konscio pri lia socia malutilo kaj intelekta kaj morala nenieco .(lasta, antaŭmorta romano »Antaŭprintempo«.) La intelektularon formis ja grandparte ne la kultura leviĝado de la burĝaro kaj proletaro, sed la ekonomia malleviĝado de la bienularo. Ĉi tiu osmozo daŭras plu. 86.5% de la literaturistoj, devenantaj el la bienularo, ne posedas bienon kaj objektive (ekonomie) restas ekster tiu klaso, al kiu ili spirite apartenas. La atmosfero de bienhejmo ne foriĝas post unu generacio — sub ĝia influo restas granda parto de la literaturistaro, substrekanta ĝin eĉ en la enketo. Ne mirinde, do, ke la biena vivo plue restas granda parto de la literatura temaro (ekz. ĉe la antaŭnelonge mortinta Josefo Weysenhoff) kaj ĝis nun produktigas unuarangajn verkojn literaturajn (laste aperinta tetralogio »Noktoj kaj tagoj« de Maria Dabrowska). Ni rimarku, ke la komedio, kiu ja plej akre respegulas la socion (komparu Aristofano) kaj plej senteme reagas je aktualo, ĝisnun preskaŭ ne eliĝas el la bienhejmo kaj el ties sfero. Eĉ temoj, restantaj ŝajne ekster la bienvilaĝo, subiĝas tamen al ties atmosfero (ekz. »Konspiro de viroj« de Jaroslaw Iwaszkievicz, parte kreado de poeto Kazimiro Wierzynsky; dramo »La hejmo de virinoj« de Sofio Nalkowska k. t. p.) kaj ties klasa idearo plue regas grandan regionon de kreado (ekz. unuaranga historiromanverkistino Sofio Kossak-Szezucka (elp. Kossak-Ŝĉucka). Signifplena estas la fakto, ke la plej famaj protagonistoj de urbismo en la literaturo pola, kiel ekz. Julio Tuwim, estas de juda deveno, samkiel granda parto de la iniciatintoj de la pola futurismo (ekz. Wat, Stern).

Kaj la aliaj klasoj? La burĝaro — ni jam rimarkis — ne trovis sian plenan literaturan esprimon — nek personare, nek laŭteme. La kamparanaro — nur escepte. La proletaro, malgraŭ sia laŭnombra supereco (rilate al la kamparanaro), — ankoraŭ malpli. La kamparo okupas en la pola literaturo sufiĉe gravan lokon (ekz. la majstroverko »Kamparanoj« de Nobel-premiulo W. Reymont 1868—1925[16]) kaj preskaŭ ne ekzistas pli grava verkisto pola, kiu al la vilaĝo kaj vilaĝanoj ne dediĉus parton de sia kreado, tamen la aliro al tiu temosfero estas plejparte deekstera, sentiganta disecon de la subjekto kaj objekto de l' kreado. Malmultaj kampardevenuloj (ekz. la antaŭnelonge mortinta verkisto de submontara vilaĝo, Orkan 1876—1930 eĉ entemigante sian devenmedion, restadis tamen plene en la sfero de tiu duoneca ideologio kaj ne sukcesis krei sian propran literatursferon). Nur laste okazis provoj por la konscia kulturvalorigo de l' kamparo en la sfero de historiliteraturo el vidpunkto de la kamparo mem (Jasinski, dramo »Jakobo Szela«[17]) kaj romano de kruczkowski »Kordiano kaj krudulo«[18])). Ankoraŭ

[14]) Kostecki (Pola Esp: 1924 p. 105—107), Wiesenfeld (Esp. Triumfonta 1924 p. 225). Trad. Grabowski — »Janko muzikanto« (1905), »Ŝi, la tria«, Weinstein — »Noveloj«, B. Kuhl — Ni sekvu lin« (1909). Ĉ. 40 noveloj k. t. p. en esp-aj ĵurnaloj.

[15]) E. F. C., Piglowski K., Wittlin, Lange (Pola Esp. 1924 p. 21—24, 36—40, 132—134 1925 p. 130 —131.) Tradukoj pli gravaj mankas.

[16]) E. F. C., Kornfeld, Wiesenfeld (Pola Esp. 1928 p. 130—131, 1926 p. 4—6, Espo Triumfonta 1924 p. 225). Karakterizaj tradukoj mankas.

[17]) Legu Sela, gvidanto de kamparana ribelo kaj masakro en Galicio en j. 1846, trompe provokita de aŭstria burokrataro.

[18]) Kordiano — heroo de samnoma tragedio de Slowacki; ĉi tie simbolo de poeziigita bienularo.



# OBSERVO

## MALLONGA OBSERVO PRI LA LASTATEMPA ESTONA LITERATURO.

Apenaŭ ekzistas en la nuntempa estona literaturo io atentinda, kiu ne havas iel kontakton kun la Ligo de Estonaj Verkistoj *(Eesti Kirjanikkude Liit,* mallongigite EKL) aŭ kun ĝia organo, gazeto *Looming* (Kreado), kiuj ambaŭ festadis ĉi printempe la dekan datrevenon de sia fondiĝo. Ni aldonu, ke apenaŭ ebliĝus eldoni lastatempe versaj- aŭ poem-kolekton estonlingvan sen la helpo de la ŝtate subvenciita eldonejo de EKL, ĉar neniu alia eldonejo kuraĝas riski la kapitalon por tiom ne profitdona afero kiel estona poezio. Kvankam la eldonkapitalo de EKL ne plimultiĝas per novaj alpagoj, tamen la eldonejo sukcesis pliriĉigi la estonan literaturon ĉiujare per pluraj altvaloraj eldonaĵoj, kiuj — aŭ multaj el ili — sen ĝia helpo eĉ ne povus esti presitaj. Kaj preskaŭ sola el estonaj gazetoj *Looming* pagas al siaj kunlaborantoj kontentigan honorarion. Tial ankaŭ estas kompreneble, ke la eldonaĵoj de EKL, el kiuj multaj pli frue parte aperis en Looming kaj poste estis eldonitaj libroforme, havigis al si famon kiel sendube valora kaj bonstila literaturo, sed pro la etnombreco de la estonlingva publiko leganta, tiuj eldonaĵoj estas nek profitdonaj, nek estas rekomendinda el tiu vidpunkto. Sed EKL ja ne estas precipe interesita pri la negoca flanko, ĝi preferas prizorgi la idean.

La ĉiujara eldonsezono de EKL estas aŭtuno antaŭ Kristnasko. Pasintjare ĝi eldonis ok librojn — kvar poem- kaj kvar novelkolektojn. Anticipe mi devas mencii, ke inter la estonaj verkistoj oni diferencigas la »maljunaĝulojn« *(vanurid)*, »mezaĝulojn« *(keskurid)* kaj »junaĝulojn« *(noorurid)*. El la eldonitaj poemkolektoj du apartenas al maljunaĝuloj — Kärner kaj Visnapuu, unu al mezaĝulo — Adams kaj unu al junaĝulo — Schütz. *Jaan Kärner,* aŭtoro de versromano iom parenca al »Eŭgeno Onegin« de Puŝkin sub titolo *»Bianka kaj Ruth«,* verkinto de kelkaj romanoj kaj dramoj, lastasezone aperigis sian okan verslibron, nomitan *»Inimene ristteel«* (Homo sur vojkruciĝo). Kärner distingiĝas precipe kiel la kritikanto de homa maljustaĵo kaj kiel prikantanto de belecoj de la naturo. Kiel lian meriton oni notis la klarecon kaj simplecon de la stilo aŭ kiel li mem fiere esprimis, »ke vortojn senesencajn mi ne envicigis«. La lasta poemaro domaĝe ne plimultigas la laŭrojn de l' poeto, ĉar ĝuste tiuj ĉi ĵus menciitaj ecoj en ĝi mankas. Tamen ni esperu, ke sur la vojkruciĝo la aŭtoro elektos al ti la plej konvenan direkton.

*Henrik Visnapuu* jam frue kun sia poemkolekto *»Amores«* konigis sin kiel ampoeton kaj kiel virtuozon de stilo. La nuna, deka, jubilea poemaro *»Päike ja jõgi«* (La suno kaj la rivero), kvankam ĝi ne estas el liaj plej bonaj, tamen abundas je lum- kaj varmpleno de suna tago kaj en la dua parto, nomita »Fiŝkaptistaj kantoj« simbole aludas per travivaĵoj de fiŝkaptisto la remomorojn pri pasintaj amaventuroj. Li neniel perdis sian antaŭan junecan revoluciemon kaj eĉ nun montras sin verva kaj atentinda rimnovigisto.

*Vilmar Adams* havas ian parencecon, laŭ la filozofia esenco de siaj poemoj, kun la fondinto de l' filozofia liriko, la franca poeto Sully Prudhomme. Liaj unuaj poemaroj *»Suudlus lumme«* (La kiso en neĝon) kaj *»Valguse valust«* (Pri doloro de lumo) ne estis favore akceptitaj de kritikistoj: oni riproĉis ilin pro la perversemo de la aŭtoro kaj nomis ilin »anemiaj verslibroj«. Eĉ la tria kaj la lasta, nomita *»Maise matka poolel teel«* (Duonvoje en surtera migrado) ne evitis la riproĉojn pri perverseco, sed tamen la pli sinceraj kritikistoj atentigis pri ĝia serioza meditiga enhavo kaj bonkvalita stilo, pri ĝiaj nedisputeblaj valoraĵoj.

*Johannes Schütz,* kiu jam aperigis sian trian poemkolekton *»Maha rahu!«* (For la pacon), tuj post la unua sia poemaro *»Rahutus«* (Maltrankvilo) ricevis agnoskadon de kritiko, kiun li konservis ĝis nun. En liaj poemoj dominas la sociala tendenco, socialaj ideoj, li prikantadas la ombrajn flankojn de la vivo, skizas tipojn post tipoj, siluetojn post siluetoj kun egale lerta mano, uzante por sia skizado la plej konvenan liberan verson. La merito de la Schütz-poemoj estas ilia aktualeco kaj proksimeco al la vivo.

Krom supremenciitaj estas notinda la oka poemolibro de *Johannes Barbarus,* nomita *»E. V-r.«* (Estona respubliko). Pri Barbarus mi jam skribis aliloke. Ĉiam freŝa, ĉiam interesa, pafpafanta kiel raketaeroplano, tondreganta vulkanerupcie li konsternas nin per ĉiu sia nova verslibro. Esperanto-legantoj povas konatiĝi pli proksime kun Barbarus pere de liaj »Horizontoj«, poemkolekto enhavanta elektitajn poemojn el sep antaŭaj verslibroj de Barbarus. »E. V-r.« ne malsuperas lian antaŭlastan poemaron »La mondo estas malfermita«.

Ni komencu ankaŭ pri novelkolektoj, eldonitaj de EKL. El ili unu apartenas al la maljunaĝulo — Hindrey, du al mezaĝuloj — Jürna kaj Vallak kaj unu al junaĝulo — Jakobson.

*Karl August Hindrey,* longtempa ĵurnalisto — karikaturisto kaj felietonisto, kompilinto de porinfanaj bildlibroj laŭ la maniero de Wilhelm Busch, tradukinto de Pantenius-romano k. s., jam antaŭe vidigas la ecojn por fariĝi bona beletristo, sed nur en pli maljuna aĝo pruvis tion per sia novelkolekto *»Välkvalgus«* (Fulmobrilo). La ĵus nomita libro interesas nin ne nur laŭ pritraktita problemo de fiksaj nedifektitaj rasaj instinktoj, sed ankaŭ laŭ virtuoza stilo, kiu kelkfoje per lertaj teknikaj rimedoj povoscias maski la mankon de interna harmonio. Precipe bonkvalitaj kaj psikologie fidindaj estas noveloj pri bestoj, pri besta vivo, sed ankaŭ tiuj pri homoj ne multe malsuperas ilin.

*Mihkel Jürna* per sia tria novelkolekto *»Ärigeenius«* (Negocgeniulo) ree pruvas, ke li ne perdis la akrecon de sia ironio, skurĝante la parvenuojn, novriĉulojn, finegocistojn k. s. pro ilia trivialeco kaj ŝarkeca murdegemomanĝegemo. Precipe impresa estas la novelo »Negocge-

---

pli akre, ĝis la lastaj tempoj, sentiĝis la absoluta foresto de la proletaro. Aperadis ja la proletaro en la verkoj de Zeromski, la duaranga romanverkisto Gruszecki priskribis vivon de ministoj (romano »Talpoj«) kaj revoluciaj poemoj de Andreo Niemojewski: »Polonia irredenta«, siatempe vekadis entuziasmon en rondoj radikalaj, tamen tiujn verkojn povas plej bone karakterizi la rolo de l' proletaro en la ideologia dramo »Liberiĝo« de la genia tragediisto Stanislao Wyspianski (1869—1907), la proletaro povas esti nur ilo, sed ne subjekto de la socia transformado. Alivorte — la proletaro restadis ekster la aktivideаro de la literaturo. Nur laste ni povas noti kelkajn verkojn, ne liberiĝintajn tamen el la maniero kaj ideosfero tute fremdaj al la temo (ekz. romanoj de Morcinek pri ministoj sileziaj). La duobleco, la diseco de la kresubjekto kaj kreobjekto eble plej akre sentiĝas en la verkoj de Julio Kaden-Bandrowski — »Nigraj flugiloj« (pri Dabrowa karbregiono) kaj en la laste aperinta »Mateo Bigda« (pri kamparana elito politika), respegulantaj karakterizan pseŭdosimpation, envere teruron kaj preskaŭ fizikan malŝaton al tiuj klasoj. Karakterizan — mi diras — ĉar Kaden-Bandrowski estas gvidanta literaturisto de la nun reganta Registara Bloko, objektive baziĝanta sur ligo de bienularo kaj grandburĝaro[19]. *(Daŭrigota)*

[19]) Ĉar ni speciale substrekadis nur unu el la gvidfaktoroj de la literaturo pola, nia skizo tute ne donas ties plenan aspekton. La problemojn de l' kamparana kulturo en Polio kaj la kreiĝadon de l' proleta literaturo mi intencas priparoli en unu el sekvontaj studoj — kompreneble — se ilin la Redakcio de L. M. ne ĵetos en la korbon.




D. Fáy: *Ilustraĵo al la komedio de Dante*

niulo«, kie la negocisto kaj kapitalisto Johann Matthias Kotilóim aŭkcias sian edzinon al kamaradoj-negocistoj »por edzecaj necesoj dum unu kaj duona horo«. Kompakta stilo, kiun oni komparis eĉ kun tiu de nia stilomajstro Tuglas, viveca interpretado, efekta solvo enfine faras la novelojn de Jürna ŝueblaj eĉ por la plej postulemaj literaturamantoj.

*Peet Vallak* (Peeter Pedajas) verkis kelkajn novelkolektojn kaj romanon *Hulkur* (Vagisto). Ĉiuj el ili estis favore akceptitaj de kritiko. Ankaŭ la plej lasta novelkolekto »*Omakohus*« (Linĉo) estas kvazaŭ daŭrigado de liaj antaŭaj libroj. Ĝi pritraktas la homojn, precipe virojn, solecajn, troviĝantajn en situacioj groteskaj, uzantajn siajn vivofortojn por celoj bagatelaj, sed laŭ ilia vidpunkto sufiĉe gravaj. Sendube originala, maturiĝinta, la aŭtoro apartenas al niaj plej bonaj novelistoj.

*August Jakobson,* la unua laŭreato de la unua romankonkurso de eldonejo »Loodus« travivis preskaŭ samtempe la ebriigan sukceson kaj seniluziigan fiaskon. Post lia premiita romano »*Vaeste patuste alev*« tuj sekvis »*Tuhkur Nobune*« (Pala ĉevalo), romano — kiel oni reklamis — en kvar volumoj, kies apero estis ĉesigita, se mi bone memoras, post la dua volumo. Poste Jakobson plikvietiĝis kaj verkis kelkajn romanojn kaj novelkolektojn, lastjare po unu. Liaj noveloj iomete rememorigas tiujn de poloj Henrik Sienkiewicz kaj Orzeszko. La novelkolekto »*Kotkapoeg*« (Aglido) ankaŭ pritraktas la temon de suferado, kies ĉefa kaŭzo estas malriĉeco. Precipe plaĉaj estas la noveloj pri infanoj.

Samtempe kun la supremenciita novelkolekto, ni skribu pri lia lasta romano »*Töö algus*« (Laborkomenco), kiu estas la dua en la serio »*Andruksonide suguvõsa*« (La gento de Andruksonoj). En tiu ĉi romano Jakobson vidigas sin bona interpretanto sen sufiĉa materialo por doni la bildon de certa homgrupo en certa epoko.

Kromaj noveloj kaj rakontoj ne prezentas multon da intereso por nia observo, ĉar ili estas aŭ tre supraje verkitaj, kiel »*Vabadus ja vangla*« (Libero kaj malliberejo) de *Richard Roht,* aŭ libroj senescepte por junularo, kiel tiuj de *Tammsaare* (Nia vulpo), *Luts* (Rigardante la migrantajn nubojn, Malfermokule), *Juhan Jaik* (Sorĉistoj de Pombi kaj Üdsimärdi). Do ni daŭrigu nian observon de romanoj.

Se ni jam ekparolis pri ili, ni tuj prenu la romanon de *A. H. Tammsaare* »*Tõde ja õigus* (Vero kaj praveco). IV.« Domaĝe mankas al mi spaco por pli detala recenzo. La tuta romano de komenco ĝis nun prezentas la tragikomedion de homo, frakasiĝon de liaj idealoj, interpretitan per plumo majstra. La lasta volumo de la romano pentras la tragedion de ĝiaj du ĉefpersonoj — geedzoj Indrek kaj Karin, kiu finiĝas kun krimo de la unua kaj kun juĝproceso. Kiel psikologia romano »Tõde ja õigus« laŭ sia subtileco kaj profundeco superas ĉion tiaspecan en la estona literaturo.

*Mait Metsanurk* (Eduard Hubel) estas ankaŭ unu el la aĝuloj, verkisto sperta kaj maturiĝinta, sed lia lasta romano (kvankam la aŭtoro nomas ĝin rakonto) »*Taaniel heitleb*« (Danielo luktadas) ne plene sukcesis: en la unua parto li pentras la karieriston Danielo tiel nesimpatia, ke tio ne harmonias kun la dua parto, kie la aŭtoro volas nin kompatigi al sia heroo. Aparte ĉiu duono estus majstro-novelo, sed ambaŭ kune ne atingas plenan artvaloron.

Krom *Jakobson* ankoraŭ verkis romanojn du iamaj laŭreatoj de Loodus — *Pedro Krusten* kaj *Edgar Saks.*

»*Punane ohvitser*« (La ruĝa oficiro) de Pedro Krusten kvazaŭ daŭrigas lian iam premiitan romanon »*Südamerahu*« (Korpaco). La romano priskribas la travivaĵojn de ruĝarmea komandanto Timmi Komiste, kies mondkoncepto devas cedi al lia nekontraŭstarebla nostalgio. Pelate de ĝi, li fuĝas, sed ne atingas la patrujon, dronante ĉe landlimo. Simpatia kaj nepretenda romano; kvankam nin ne tute ĝi kontentigas, tamen ĝi vidigas la evolukapablon de la aŭtoro.

Ne tiel *Jaan Tamar* de *Edgar Saks,* kiu signifas sendube paŝon malantaŭen en la verkado de la aŭtoro.

Menciindaj estas ankoraŭ la romanoj de *August Mälk* kaj de la nova Loodus-laŭreato *Leida Kibuvits,* sed entute ni devas aserti, ke krom la romano de Tammsaare neniu el ili superas mezvaloron, kaj tial tute superflue ŝajnas malŝpari pro ili la spacon.

Rilate al la dramverkado ni devas jam enkomence noti, ke tiu ĉi literaturspeco estas la ununura en Estonio, kiu kontentige rekompencas la verkistojn kaj tiakaŭze eĉ multaj ne-dramistoj komencis verki dramojn, kiel ekzemple la poeto Visnapuu kaj lastatempe ankaŭ *Schütz.* De tio dependas la multnombreco de dramoj. Domaĝe al kvanto ne ĉiam respondas la kvalito kaj tial ni observas nur kelkajn pli valorajn el ili.

El la antaŭe nomitaj verkistoj krom Schütz kaj Visnapuu verkis dramojn Kärner, Metsanurk kaj Mälk. La dramo de Schütz »*Jumalate mäss*« (Ribelo de dioj) ne aperis libroforme. Ĝi priskribas la aferojn el Libro de Danielo ĉapitro 15, kompreneble el pli moderna vidpunkto ol tiu de malnovtestamenta profeto.

La dramo de Visnapuu »*Sinjorino Sohk kaj Filoj*«, kiel ankaŭ tiuj de Kärner (Merihärg kaj K10) kaj Metsanurk (Sur la verda branĉo) skurĝas la finegocon kaj senkonsciencan kaperemon de nuntempaj rapidebakitaj »superuloj«. Bedaŭrinde ne senkaŭze kaj ne fiktive ili estas prezentitaj, kelkaj portretoj ŝajnas rekte kopiitaj laŭ certaj personoj.

Parencecon al la suprenomitaj montras ankaŭ la dramo de Arthur Adson »Iluduskuninganna«, kie la aŭtoro vipas la belec-konkursojn kaj sekvojn kaŭzitajn de ili. Teknike la dramo superas ĉiujn aliajn.

Escepte ankoraŭ de literatur-historia »Koidula« de *Hella Vuolijoki-Murrik* kaj artvalora dramo-skizo de *Aino Kallas* »*Patseba Saaremaal*« la kroma plurnombra dramaro apenaŭ valoras apartan laŭnoman mencion. Ili estas aŭ burleskaĵoj kaj farsoj, kies nura celo estas ridigi la publikon, aŭ malsukcesaj malgraŭ ĉiuj iliaj plej bonintencaj celadoj.

Al la unuaj ni devas kalkuli ankaŭ la lastan komedion de nia plej sperta kaj plej vigla dramverkisto *Hugo*

Raudsepp, kies »Mikumärdi« vekis tiel grandiozan furoron kaj eĉ kaŭzis siaspecan krudnaturalisman skolon de dramo. Lia »Vedelvorst« (Maldiligentulaĉo), perdinte la sukoriĉon de »Mikumärdi«, neniom gajnis rilate al la idea flanko.

Ni proksimiĝas al la fino de nia observo kaj petas pardonon, ke ni devis fari ĝin tiel supraje pro manko de spaco. Eble ni ne ĉie sufiĉe »neŭtrale« prijuĝis la aferojn, sed almenaŭ tia estis nia intenco.

Enfine ni menciu pri niaj verkistoj-jubileuloj *Marie Under* kaj *Hugo Raudsepp*, kies nomoj ja ne estas nekonataj al la legantoj de »L. M.« Ambaŭ ili festis ĉi printempe la kvindekan datrevenon de sia naskiĝtago.

Ankaŭ la agado de estona PEN-klubo valorus nian pli detalan priskribon. Tamen ni devas limigi nin kaj noti nur la ĉi printempan »L Estonie littéraire«, la kvaran numeron kun artikoloj de Oras, Semper, Urgart, Pukits k. a.

Krom la eldonejoj »*EKL*« kaj »*Loodus*« estas menciinda la eldonejo »*Noor-Eesti*«, krom la organo de »EKL« (*Looming*), la ilustrita gazeto »*Olion*«, kiu publikigas ankaŭ poemojn kaj malpli longajn prozajojn, recenzojn k. s. Pri tradukliteraturo zorgas »*Loodus*« kaj la ŝtate subvenciita »*Eesti Kirjanduse Selts*« (Societo de Estona Literaturo), kun la diferenco, ke la unua pli atentas la modernan literaturon, la alia la klasikan.

Alifoje mi esperas skribi iom pri kulturkapitalo kaj pri cio alia, kiun mi ĉifoje ne menciis.

Resume dirite, lastatempe ni devis descendi al la popolo, »alproksimiĝi al la vivo«, ŝanĝi la novromantismon kaj simbolismon, impresionismon kaj ekspresionismon al la naturalismo kaj realismo. Ĉu ni gajnis aŭ malgajnis, ĉu alproksimiĝinte al la vivo ni ne malproksimiĝis de la arto, jen demando, kies respondon, jen problemo, kies solvon devas doni la tago morgaŭa, se ĝi entute estas solvebla.

*Hendrik Adamson.*

(X.) FRANZ WERFEL: BARBARA. Tiu ĉi romano de Franz Werfel, la plej granda individuo de la germana ekspresionisma literaturo, estas la trezorejo de konsternaj homaj dokumentoj. La filo de altranga oficiro, ĉirkaŭ kies persono grupiĝas la konsterne akre desegnitaj figuroj de la hodiaŭa vivo, estas propre sufiĉe pasiva figuro, kiu havas tamen eksterordinare evoluintan moralan senton kaj ĉi tio lin portas tra la vivo. Senamike, ne-komprenate li pasigas sian infanaĝon, nur al *Barbara*, al sia ĉeha nutristino li estas sincera kaj en la proksimo de tiu ĉi simpla kamparanino trankviliĝas lia sentema animo. Juna knabo li estas ankoraŭ, kiam eksplodas la mondmilito kaj li venas sur la batalkampon. Li travivas la terurajojn de l' fronto kaj ĉi tie okazas al li la sortofara evento, kion elvokas ankaŭ la ordona voĉo de lia konscienco: li ne plenumas la ekzekutigon de la mortkondamnitoj. Antaŭ ol atingus lin la puno: li vundiĝas kaj venas en hospitalon, sub la protektadon de princina flegistino. La sekvaj partoj de lia vivo ludas en Vieno, kie li jetiĝas inter intelektulojn preparantajn la revolucion, kaj kun ili li partoprenas tiujn eventojn, kiuj akcelis, ke »la akso de l' mondo turniĝu el siaj ingoj«. Poste dum la jaroj de l' konsolidiĝo li finas la kuracistan fakon de l' universitato kaj fine li fariĝas ŝipkuracisto. Dum li baraktas en la treno de sia aventura vivo, Barbara vivas hejme, en sia malgranda farmo, tamen: neniam kaj neniu estas pli proksima al la knabo, ol la maljuna nutristino, kiu simbolas la moralan certecon de la malnova mondordo.

---

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Evento* (Grabowski): grava okazaĵo; *descendi* (Christaller): malsupreniri; *domini* (Grab.): superregi, superpezi; *drola:* komike stranga; *lanta:* malrapida; *masakri* (Grab.): amasbuŝi; mogolo: hinda reganto; iom moke: korifeo; *pigra:* maldiligenta; *skolto:* knabo-esploranto; *torporo* (Grosjean-Maupin): sensentiĝo; *trista:* malgaja.

# LINGVO

## PRI LA PREPOZICIO *DA.*

*Respondo al sinjoro N. D.* Vi demandas, kial oni diras »centon *da* pomoj«, sed »tri estas duono *de* ses« (Fundamento §. 14.)

Nu, la tutan malcertecon pri la prepozicio *da* oni povas ĉesigi per la jena sola regulo:

»Per la prepozicio *da* oni apartigas pli-malpli difinitan nombron aŭ kvanton el *nedifinita* nombro aŭ kvanto.«

El la du supraj ekzemploj, en la unua oni apartigas centon el *nedifinita,* kvazaŭ senfina nombro da pomoj. male, en la dua, oni apartigas la duonon el nombro severe *difinita* (ses). Do en la unua kazo oni devas uzi *da*, en la dua: *de.*

Aliaj ekzemploj: »duono *de* pano« kaj »kilogramo *da* pano« — kial? Ĉar en la unua kazo temas pri difinita kvanto (unu tuta sendifekta pan-unuo); dum en la dua kazo, la kvanto da pano, el kiu oni apartigas unu kilogramon, estas nedifinita, kvazaŭ senfina.

Same: »duono *de* jaro« — ĉar *jaro* estas difinita tempo-kvanto; sed »du kaj duono *da* jaroj«, ĉar temas pri nedifinita, senfina jarnombro, el kiu oni apartigas tiujn du kaj duonon.

El la supra regulo evidente sekvas la zamenhofa principo, ke oni ne uzu *da* antaŭ la difina artikolo, ĉar tiu ĉi ja signas difinitecon. Oni diru do: »Mi trinkis glason da ruĝa vino« (glaskvanton el nedifinita, kvazaŭ senfina kvanto de ruĝa vino), sed »mi trinkis glason el la ruĝa vino, kiun vi sendis« (glaskvanton el strikte difinita kvanto da ruĝa vino). Same: »grupo da soldatoj« (grupo el nedifinita, senfina soldat-nombro), sed »grupo de la kondamnitoj« (ĉar la kondamnitoj, pri kiuj temas, havis certe difinitan nombron).

Kompreneble, same oni ne povas uzi *da* antaŭ *tiu, ĉiu, tiuj, ĉiuj,* posedaj pronomoj kaj numeraloj, ĉar ja ĉiuj ĉi havas difinan funkcion.

Kaj nun vi eble klare rekonos, kial estas malĝustaj: »vojo da tri horoj«, »laboro da kvin jaroj.« Oni devas diri: »vojo de tri horoj«. »laboro de kvin jaroj«, aŭ »tri horoj da vojo«, »kvin jaroj da laboro«.

Nun sekvas la demando, ĉu oni povas uzi *da* antaŭ *personaj pronomoj?* Nu, plejofte ne, ĉar ĉi tiuj pronomoj preskaŭ ĉiam rilatas al difinita kvanto aŭ nombro. Oni do diru: »mi ne ricevis la tutan monon, mi ricevis nur iom el ĝi« (ne »iom da ĝi«). Same: »multaj el ni«, »kelkaj el vi«, »dekduo el ili«. Plej bone estas tute eviti la uzon de *da* antaŭ persona pronomo.

Sed aliflanke, Zamenhof estis prava pri tio, ke ĉi tiu malpermeso tamen ne estas nepra: oni povas uzi *da,* se la persona pronomo rilatas al nedifinita kvanto. Ekzemple: »Ŝi bezonas monon, bezonas multe da ĝi.« Sed tiaj okazoj, kiel diras ankaŭ *Walter Lippmann,* estas vere maloftaj.

Kiel ni vidis, ĉe la uzo de *da* decidas ne la kvanto apartigota, sed la kvanto, el kiu oni apartigas. Dum la nedifiniteco de ĉi lasta estas nepra postulo por la uzo de *da,* la difiniteco de la apartigota kvanto estas pli larĝe konsiderebla. Ne nur *multe, kelke, iom, aro, trupo, amaso* ktp. estas rigardeblaj kiel »pli-malpli difinitaj« mezuroj, sed oni povas diri ankaŭ »laĉo da koraletoj«, »nubo da korvoj«, »torento da lumo«, »maro da mizero« ktp.

Mi volas ankoraŭ atentigi pri la nuanc-diferenco, kiu ekzistas inter *da* kaj *de.* Per *da* ni akcentas la mezuron, kvanton, nombron, per *de* ni akcentas la *kvaliton* de la objektoj aŭ individuoj, el kiuj ni apartigas. »Grupo *da* soldatoj« akcentas, ke temas pri *grupo* (ne pri unu, aŭ du, aŭ kelkaj); grupo *de* soldatoj akcentas, ke temas pri *soldatoj.*

*K. Kalocsay.*

# NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek,
*Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson,
*Pymble* N. S. W. Church St. »Tallangetta«.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*,
Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*,
Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture,
*Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto«
*Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*.
Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.
Poŝtkonto nro: 16295.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo
*Paris* 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier,
*Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat,
*Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria
Vittorio Emmanuele II. 92.
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo
*Zagreb*, Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O.
Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau,
*Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20.
Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto,
*Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner,
*ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.
Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto
*Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I.
Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto.
Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczednoŝci, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.